


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO
DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

11-a JARO, N-ro 4 JULIO/AŬGUSTO 1932

## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

**Enlandoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | Fino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, Bournville, Birmingham. |
| Aŭstra: | Fr. Scheibenreiter, Hermannsgasse 31/26; Wien, VII; Konto P.S.: B 134611 |
| Belga: | H. Rainson, Lange Penninkstr. 17, Mecheln. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | A. Valoušek, učitel, Brno-Medlánky; poŝtĉeka konto Brno 102 169. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | F. Vérot, rue des Villas, St.-Etienne (Loire). |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857, aŭ poŝtĉekkonto Dresden 263·79, Kurt Hofmann, Riesa. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |

**Enlandoj:**

| | |
|---|---|
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Mester-u. 53. V. 7. Budapest, IX. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Stanko Prvanoviĉ, Halovo p. Zaječar. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Slokas iela N. 112 dz. 1. |
| Litova: | Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | Agento serĉata. |
| Sveda: | Torsten Torbjär, Mariagatan 15 a, Göteborg. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol.,**
**Duonjara provabono 1/2 dol.,**
**Opa numero 1/4 dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj komprenebIe akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio**
sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer", Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 278 57,

**Membroj de la Saksa asocio**
al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 11 63, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

11-a jaro. Numero 4
Julio-Aŭgusto 1932

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 26379
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.




## Voĉoj de l' homaro.

### Internacia Malamo.

La internacia malamo estas plej forta kaj plej arda sur la plej malsupraj ŝtupoj de la kulturo. Sed ekzistas ŝtupo, kie ĝi tute malaperas, kie oni staras kvazaŭ super la nacioj, kaj kie oni sentas feliĉon kaj suferon de sia najbara popolo, kvazaŭ ĝi estus renkontintaj onin mem.

(Goethe al Eckermann, 14-a de marto 1830; trad. Bennemann.)

---

## Kial vi, virinoj, devas kontraŭbatali la militon?

1. **Militoj ĉiam okazis, ĉu ili estos eviteblaj iam ajn?**
Forbruligon de sorĉistinoj, torturon kaj sklavkomercon ni subigis, ili apartenas al la estinteco. Do ankaŭ la milito estos subigata.

2. **Ĉu militoj devas okazi, ĉar konfliktoj ĉesos neniam?**
Militoj ĉesos — batalo ĉiam estos. Kiel unu la alian ne plu bastonas, kiel iam malamikaj gentoj unuiĝis kaj poste formis unu popolon (ekz. bavaroj kaj prusoj), tiel ankaŭ la popoloj ne plu kontraŭmarŝos por mortigi unu la alian. Arbitraciaj tribunaloj senarme decidos konfliktojn. La internacia arbitracia tribunalo, fondita en 1922 en Hago, jam estas grava ŝtupo.

3. **Ĉu la popoloj fakte volas militon?**
La popoloj ne volas. Estas nur kelkaj personoj, pri la milito inte-

resiĝantaj, kiuj incitas la popolojn unu kontraŭ la alia sub la masko de la patruja defendo kaj helpe de subaĉetita gazetaro.

4. **Ĉu ni ne devas defendi nian patrolandon?**

Nuntempe neniel utilas, mortigi kaj morti por nia patrolando, ĉar pro la tekniko de la gas- kaj maŝinmilito lando ne plu povas esti ŝirmata per homkorpoj. Ni vivu kaj laboru por nia patrujo!

5. **Kion fari, se nia patrujo estas atakata?**

La Kellogg-pakto, aprobita kaj subskribita en 1928 de 57 ŝtatoj — ankaŭ de Germanujo —, malhonorigas la atakinton. Sekve la atako estas kontraŭleĝa kaj — ĉar kontraŭ la publika opinio de la mondo — ĝi malfaciliĝos pli kaj pli kaj fine devas malaperi tute. Disvastigi ĉi tiun komprenon inter la popoloj, estas nia celo. Okaze de militdeklaracio la „ligo de nacioj" kaj arbitracia tribunalo devas esti alvokataj. Tio estas hodiaŭ la granda progreso.

6. **Kiel milito aspektus hodiaŭ?**

Estos gasmilito, kiu detruos per venenaj gasoj ĉion, kio spiras, ĉion, kio kreskas kaj vivas, tutajn urbojn dum malmultaj minutoj.

7. **Ĉu ekzistas gaskontraŭilo?**

Ne — neniu gasmasko povas ŝirmi vin kontraŭ gasoj, kiuj varmegigas la aeron ĝis 3000 Celsius-gradoj. Ne ekzistas ŝirmilo kontraŭ ĉi tiuj gasoj, jam de longe eltrovitaj kaj aplikataj.

8. **Kiu profitas per milito?**

Ĉiuj armilfabrikantoj kaj produktantoj de venengasoj. Ankaŭ la aerŝirmado obligas bonan negocon. La sama fabrikanto, kiu fabrikas venengason, ankaŭ liveras gasmaskojn, kaj ja ne nur al la enlando sed ankaŭ al la eksterlando. La paca industrio de ĉiuj landoj estas ŝanĝebla en militindustrion dum 24 horoj.

9. **Kiu malprofitas per milito?**

Ĉiuj popoloj. — Estos nek venkintoj nek venkitoj. — Ĉiuj estas ekstermataj; viroj, virinoj kaj infanoj. 37 milionojn da homoj (mortfalintoj, mortintoj per revolucio kaj blokado) englutis la lasta milito. La objektoj detruitaj per la mondmilito egalvaloras la salajron por unu miliono da laboristoj, kiuj havus laboron kaj panon dum 3000 jaroj, posemajne 44 horojn. La sekvojn de perdoj ni sentas hodiaŭ. Pro tio ni havas hodiaŭ en la mondo 22 milionojn da senlaboruloj, multajn milionojn da malsataj infanoj, junularon sen laboro, sen espero.

10. **Kion ni povas fari, por ke tio ne ripetiĝu?**

Kontraŭstari la militon, unuigante nin kun la virinoj de la aliaj popoloj, subteni ĉiun agon por la senarmigo. Patrine influi niajn gefilojn. For la legendon pri la malamiko kaj la tradicia malamiko! — For la brutan perforton! Estimu la homon de ĉiu klaso, indulgu la alian rason, komprenu la homojn de la alia nacio, sankta estu la homa vivo!

En Francujo nia ligo nombris post tri jaroj pli ol 60 000 virinojn kaj kreskas ĉiutage. En Germanujo ni staras post ses monatoj en la komenco de nia

laboro kun pli ol 6000 virinoj. Ni varbas en ĉiuj landoj. Aliĝu — fortigu nian potencon! La virinoj estas la duono de la homaro. — Kie nia ligo estos potenca, ne plu estos milito.

(Laŭ flugfolio de la „Tutmonda Pacligo de la patrinoj kaj edukistinoj“ tradukis la geinstruista grupo Freiberg-Sa.)

---

## Du verkoj de Eugen Wüster same gravaj kiel du kongresoj.

De D-ro Kurt Riedel, Dresden.

Ŝajnas, ke la epoko de la ĝeneralaj kongresoj de asocifunkciuloj kaj amatoroj en Esperantujo estas pasinta, kaj ekas la epoko de Esperanto en fakrondoj. Tie la skribata Esperanto okupos la unuan lokon, la parolata Esperanto la duan. Nia legantaro atentu la du verkegojn de D-ro inĝ. Eugen Wüster. Unue: Internationale Sprachnormung in der Technik (Internacia teknika lingvonormigo) besonders in der Elektrotechnik (precipe en la elektrotekniko), die nationale Sprachnormung und ihre Verallgemeinerung (la nacia lingvonormigo kaj ĝia ĝeneraligo). Eldonaĵo subtenita de „Akademie des Bauwesens“ (Akademio de la konstrufako). Berlin 1931. VDI (Verein deutscher Ingenieure = asocio de germanaj inĝenieroj)-Verlag, G. m. b. H., XV kaj 431 pĝ. kaj 4 tabuloj, tole bind. RM 18.—. Kontribuis la duonon de la preskostoj la „Akademie des Bauwesens“. La presekipo estas senmakula.

Pri la ĝeneralaj preferoj de la verko skribas la recenzinto en la gazeto de la „Deutscher Sprachverein“ (Muttersprache 1932, 131 ff.) jene: La aŭtoro verkis kun admirindaj zorgemo kaj vastrigardo, kun senfina diligento. Li atentis laŭeble komplete la multegajn fontojn de ĉiuj gravaj lingvoregionoj kaj ĉiujn eldirojn je tekniko kaj lingvo el la lastaj jardekoj. Tion montras jam la indekso de fontoj, tion montras la detalega tabelo de enhavo, tion montras ĉiu paĝo de la libro. Ankaŭ estas tre precizaj ĉiuj notoj eĉ la plej etaj, tio estas sammezure laŭdinda, same la laŭcela uzado de malegalaj prestipoj kaj mallongigoj, la simbola signado de rilatoj intervortaj kaj interpropoziciaj.

Ni esperantistoj ŝategu tiun verkegon, ĉar ĝi entenas la plej serioze sciencan traktadon germanlingvan pri Esperanto, kaj ĉar la aŭtoro proponas Esperanton kiel la plej taŭgan ilon por internacia teknika lingvonormigo, kaj ĉar multaj eksterlandaj helpantoj esperantigis por li partojn de koncernaj eldonaĵoj, kaj ĉar la libro finiĝas per Esperanta resumo.

La enhavo estas partigita laŭ la decimalsistemo (kiel la redakta programo — por kelkaj legantoj mistera — de IPR, do 1 anstataŭas A, 2 = B, 3 = C, 11 anstataŭas A I, 12 = A II, 21 = B I, 22 = B II, 111 anstataŭas A I a, 112 = A I b, 211 = B I a, 2211 anstataŭas B II a 1 ktp.).

Jen kelkaj citaĵoj el la Esperanta resumo pri la ok ĉefpartoj:

1. Neceso de ekonomieca lingvokonsidero en la tekniko, precipe la internacia lingvonormigo: „Tekniko estas ekonomia (racia) apliko de la naturleĝoj. Same kiel la desegnaĵo kaj la signoj ankaŭ la lingvo estas grava instrumento de l' inĝeniero. Ankaŭ por tiu instrumento li devas uzi la mezurilon „ekonomieco“ (racieco) . . . Utiligante la spertojn, faritajn ĉe la nacia

teknika lingvonormigo, esploro estu farata, ĉu kaj kiel la internacia teknika lingvonormigo povas esti disvolvata pli multe."

2. Nacia disvastiĝo kaj graveco de nacilingvoj: „La aŭtoro donas sinoptikon pri la 1 500 lingvoj de l' tero. Por la elektroteĥniko plej gravaj estas la lingvoj angla, germana, franca, plue la rusa, itala kaj hispana, kaj fine la lingvaj bezonoj de la japanoj."

3. Transversa profilo de diversaj nacilingvoj: „La lingva konsisto de la naciaj lingvoj estas ekkonebla per diserigo de la esprimoj (»forma analizo«) kaj per sekvanta esploro pri ilia ekonomieco.

Forma analizo: Nur malmultaj naciaj esprimoj estas vortelementoj kun origina signifo. La plej multaj esprimoj estiĝas per tio, ke elementaj sonformoj ricevas novan signifon iel devenantan de la origina signifo („malpropraigo de l' signifo") aŭ ke kombinaĵoj de pluraj sonformoj ricevas iun signifon, kiun ankaŭ kondiĉas la origina signifo de la apartaj eroj de la kombinaĵo („vortokombinado"). La origina signifo de partoprenantaj sonformoj ambaŭfoje estu nomata la „ideoformo", ĝi povas en la „porcela lingvaĵo" esti konsiderata kiel la vera portanto de l' signifo. La aŭtoro detale montras, ke la ideoformoj estiĝas en la okcidentarjaj lingvoj laŭ principe la samaj leĝoj kaj ke malgraŭ la malsameco de la sonformo ili tre ofte koincidas.

En kio konsistas la ekonomieco de lingvo („lingva boneco")? La du fundamentaj postuloj pri la lingva boneco estas precizo kaj oportuno. Kiam ili konfliktas inter si, laŭ la „principo de la laŭvola precizo" devas esti eble, pokaze elekti la plej ekonomian solvon inter la du polusoj. La ĉefa kaŭzo por la neoportuno (malfacilo) de la naciaj lingvoj estas, ke iliaj derivelementoj ne estas unusencaj kaj uniformaj („nereguleco"). La precizo grave suferas, kiam diversaj membroj de samlingvanaro komprenas la samajn esprimojn malsame aŭ nomas la samajn ideojn malsame („malunueco").

4. Laŭlonga profilo tra diversaj nacilingvoj (lingva evolucio kaj ĝia regulado). „La lingva evolucio de la naciaj lingvoj estintatempe ankaŭ en la tekniko ne estis regulata. Natura selekto decidis inter individuaj nomproponoj. Tio rezultigis multajn okazojn de malunueco. Krome tiu maniero de lingva evolucio estas malekonomia, ĉar la sama laboro de nomado estas farata ripetfoje. Tial depost la milito la teknika lingvaĵo estas normigata en preskaŭ ĉiuj industriaj landoj, kaj tio sukcese. La lingvonormoj de 29 lingvoteritorioj estas priparolataj."

5. Nacia signaro: „La signoj estas parte derivitaj de terminoj („mallongigaĵoj"), parte nedependaj de la lingvo. La naciaj mallongigaĵoj posedas grandan memoreblon. El la signoj, nedependaj de la lingvo, nur la bildaj (»grafikaj«) havas grandan memoreblon."

La internacia teknika lingvonormigo posedas 3 gradojn: interna lingva kunordado, uzo de izolitaj signoj kaj terminoj, enkonduko de kompleta helpa lingvo. Ĉiu grado havas 3 subgradojn.

6. Internacie kunorditaj esprimoj naciaj: „La unua grado estas la interna lingva kunordado, t. e. paraleligo de naciaj esprimoj." La Internacia Elektroteknika Komisiono (IEC) aplikas tiun metodon. „La 3 subgradoj de la interna lingva kunordado estas 1. reciproka delimado de la naciaj signifoj, 2. reciproka egaligo de la signifoj kaj fine 3. reciproka egaligo de la ideoformoj. La dua kaj precipe la tria grado de la interna kunordado multege faciligas la internacian interŝanĝon de ideoj."

7. Izolitaj internaciaj terminoj (kaj signoj): — — — „La 3 subgradoj de la lingvonormigo per internaciaj terminoj estas: latinaj vortoj (kiel en botaniko kaj zoologio), modernlingvaj fremdvortoj kaj latinistaj fremdvortoj. Sed la nacia teknika lingvonormigo de la plej multaj landoj konscie rifuzas fremdajn vortojn, kaj speciale decide modernlingvajn fremdvortojn."

8. „La tria kaj plej perfekta grado de la internacia lingvonormigo estus la enkonduko de kompleta h e l p a l i n g v o. Ekzistas tri seriozaj kandidatoj: latina lingvo, angla lingvo kaj Esperanto. La latino por teknikaj celoj ne povas konkuri kun la du aliaj lingvoj, ĉar ĝi kunigus la ĉefan malbonaĵon de la angla lingvo (malfacilo, pro mankantaj unusenceco kaj unuformeco de la derivelementoj) kun la ĉefa malbonaĵo de la lingvoj artefaritaj (salto en la evolucio).

Eĉ se unu lingvo internacia (la angla aŭ Esperanto) estus enkondukata, la scienca inĝeniero ankoraŭ dum multaj jardekoj devus esti kapabla, legi tekstojn en la ĉefaj naciaj lingvoj: en la angla, la germana kaj la franca. Por akiri tiun kapablon, la lernanto bezonas nur proksimume triono de la lernlaboro necesa por lerni flue paroli. Tial estas pli ekonomie por la tutaĵo de la homoj (kaj komprenebie des pli por la neanglaj popoloj), krom la 3 legolingvoj lerni ankoraŭ paroli Esperanton ol lerni unu el la legolingvoj (la anglan) ĝis plena posedo. Ĉiu jarklaso de la lernejanoj tiel ŝparus ĉirkaŭ 50% de la lernlaboro necesa por la helpa lingvo. Se ankaŭ ĉiuj hodiaŭ vivantaj plenkreskintaj personoj lernus kompreni Esperanton almenaŭ per la orelo, tiu elspezo de laboro estus kompensita jam post 10 jaroj, sole per la ŝparo de lernejana lernlaboro.

Esperanton postulas ne nur la ekonomieco, sed samgrade la justeco. Se la angla lingvo estos elektata kiel internacia helplingvo, la ceteraj popoloj kulture defalos en la staton de angla kolonio.

Esperanto taŭgas por teknikaj celoj minimume same multe kiel la angla lingvo. Ĝi kontentigas en alta grado la postulojn de lingva boneco. La internacia teknika lingvonormigo estas pli facile realigebla per la helpo de Esperanto, ĉar ĝi estas pli plastika ol la naciaj lingvoj kaj ankoraŭ ne tiom finstampita. La normigitaj Esperantaj esprimoj laŭ japana propono povus esti uzataj sammaniere kiel la latinaj nomoj de bestoj kaj plantoj."

Ĝuste konstatas la recenzinto en la gazeto „Muttersprache": „La fundamento de la ampleksa kaj antaŭ ĉio signifoplena traktado estas la pure prilingva parto, en kiu la teknikulo (speciale elektroteknikisto) montras sin preskaŭ nur ĉe la elekto de la plejmulto de l' ekzemploj; cetere oni povus opinii, ke skribis la verkon — filologo."

La du ĉapitroj, plej gravaj por ni esperantistoj, estas la tria kaj la oka, la du plej ampleksaj. En la tria la aŭtoro pritraktas klasifikon de nocioj (konceptoj) kaj vortoj, vortgrupojn, vortkombinadon, vortderivadon, fleksion, malproprigon de l' signifo, sonformon kaj ĝian senperan signifon, lingvan bonecon. Parton de tiuj problemoj la leganto renkontos ankaŭ en la grandega „Enciklopedia Vortaro Esperanta—Germana" de Eugen Wüster (vidu supre). La oka ĉapitro enhavas la tiom valorajn traktaĵojn pri latino kaj angla lingvo kiel tutmondaj lingvoj kaj la ĉizitan skizon pri Esperanto, krome detalan kritikon pri Volapük, Ido, Occidental, Latino sine flexione, Novial. En la sagaca esploro pri Esperanto la aŭtoro aplikas la teorion de lingva konsisto, kiun li prezentis en la tria ĉapitro.

Detalaĵojn el tiu gravega verko ni diskutos ofte en IPR. Ĉiu loka grupo de esperantistoj havigu al si tiun valoran libron! La saman deziron mi esprimas por la dua verkego de Eugen Wüster:

E n c i k l o p e d i a V o r t a r o E s p e r a n t a — G e r m a n a. Kun speciala elmontro de la Zamenhofa lingvuzo. Provo sur la vojo al la internacia sinteza vortaro de Esperanto. Eldonita laŭ komisio de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko. Eldonejo: Ferdinand Hirt u. Sohn en Leipzig. Ĝis 1932 aperis la Enkonduko kaj la Vortaro de a ĝis korno (en kvar partoj), entute 23 kaj 576 pĝ., prezo po parto 15 RM. La unua parto aperis jam en 1923.

Kiel dediĉon oni povas legi la vortojn: „Rezonanta pentremo de René de Saussure, la Analizanto, vivonaska intuicio de Anton Grabowski, la Sintezanto, scienca diligento de Grosjean-Maupin, la Konservanto, ke en akordo ili gvidu nin!“

La Antaŭparolo kaj la Enkonduko estas skribitaj germanlingve kaj Esperante. La verkego estas kvazaŭ efektivigo de intenco de Zamenhof, kiu mallongan tempon antaŭ sia morto decidiĝis, mem verki grandan germanan vortaron de Esperanto kiel antaŭlaboron por ampleksa internacia vortaro, al kiu li skizis jam 1911 sian planon. Aludon al la praideo por la verko supre recenzita ni ekkonas el la jena frazo el la antaŭparolo: „Eble nia laboraĵo ankaŭ helpos tiun aŭ alian eksenti, kiaj sugestoj por la lingvistiko, logiko kaj psikologio ĝermas en la sino de Esperanto (la internacia interkomparo de ideoj). Povas esti, ke iu tia foje venos kaj ekvivigos la dormantaĵon.“

La enkondukanta parto „Esperantologiaj Principoj“ enhavas jenajn ĉapitrojn: Ĝusto kaj boneco de esprimo, Centripeta kaj centrifuga lingvo-evolucio, La lingvekonomia vortara principo, Principoj de transskribo, Pri la nomoj de bestoj kaj plantoj. Por solvado de la problemo pri „ĝusto kaj boneco de esprimo“ esploris Eugen Wüster la „faktorojn de boneco“ kaj dividis iiin jenmaniere:

1. Boneco sen konsidero de la lingvuzo (sistema boneco),
    11. sen konsidero de la ceteraj lingvoj (sistema boneco de funkcio),
        111. sen konsidero de la ceteraj partoj de la sama lingvo (absoluta boneco).
        112. unueco inter la partoj de la lingvo (struktura unueco, unuformeco, sintezeco, analogieco).
    12. unueco kun la fontolingvo (internacieco).
2. Unueco inter la partoj de la lingvanaro (unueco de la lingvuzo, konvencieco).
    21. inter la samtempaj partoj (loka unueco de la lingvuzo).
    22. inter la sinsekvaj partoj (tempa unueco de la lingvuzo, kontinueco).

Kelkfoje estas praktike, tiujn grupojn jene kunigi alimaniere:

111 kaj 12: Boneco sen konsidero de la lingva unueco.

112 kaj 2: Lingva unueco.

En sia nova verko Eugen Wüster grupigas la „faktorojn de boneco“ jenmaniere:

1. Boneco sen konsidero de la lingvuzo (sistema boneco),
2. Unueco — loka kaj tempa — inter la partoj de la lingvanaro,

3. Unueco internacia. (Vidu: Internationale Sprachnormung in der Technik, S. 87.)

Cirkonstancojn favorajn aŭ malfavorajn por la lingva unueco oni nomis „centripetaj" resp. „centrifugaj".

Ekzemplo por la grupo 111 de la faktoroj estas la postulo pri maksimuma mallongo de la vortelementoj; ekzemplo por la grupo 112 estas la postulo pri analogia transskribo . . . La postulo 12 estas apartaĵo de la internacia lingvo."

La aŭtoro diras: „Inter »ĝusteco« kaj »boneco« estas principa diferenco. »Boneco« estas kvalito de la lingvero aŭ de la lingva interrespondigo sendependa de tio, kiu estas prirespondata pri ĝi. (Senpera) ĝusto kontraŭe estas eksplicite agokvalito de la momenta uzanto de l' lingvo." Plej ofte pri ĝusto aŭ malĝusto tute ne povas esti decidata, ĉar mankas la instanco, kiu estas prezentata per la lingvuzo de „bonaj aŭtoroj". Do, ĝusto de esprimo dependas de faktoroj en la grupo 2, ĉar ĝi signifas unuecon kun la lingvuzo.

Tial la Enciklopedia Vortaro unualoke estas kritika vortaro de la lingvuzo, precipe de la Zamenhof-a. „Ofte oni ion trovos nekritikan, kio malmulte plaĉas al ni persone; ofte ankaŭ oni bedaŭros la foreston de io, kio devus eniri la lingvon. Grandmezuraj bonigoj en tio nek povas nek devas esti la afero de unuopulo. Nur per internacia konvencio ili estas eblaj."

Antaŭparole la aŭtoro skribas, ke li ne konsideris tiom grava la kompletecon de ĉiuj esprimoj foje uzitaj kiom la fikson de la signifoj, la sinonimikon kaj la frazeologion. Al mi la demando sin trudas, ĉu Esperanto devu posedi frazeologion. Ekzistu en helpa lingvo diferenco inter terminoj kaj retorikaj figuroj! Frazeologio estas kolekto kaj instruo je retorikaj figuroj, konstantaj en la lingvuzo. Ĉu Esperanto, estante helpa lingvo, bezonas konstantajn retorikajn figurojn? Frazeologiaj esprimoj koncernas ĉefe ĉiamajn kunligojn inter verbo kaj vortojn, respondantajn je demandoj kion, kiun aŭ kiel, kiam, kie, kien. Nacia lingvouzo konsistas plejparte en tiaj ĉiamaj kunligoj. Pro tiaj parolaĵoj la traduko en fremdan nacilingvon ja estas tiom malfacila, kaj pro foresto de tiaj ĉiam-kunligoj la traduko en Esperanton estas la pli ĝusta, kiu estas la pli klara kaj simpla sen respekto je la lingvuzo, kompreneble nur kaze de retorika figuro, ne kaze de terminoj.

---

## La lingvo-pedagogia valoro de Esperanto.

Laŭ propono de „Esperanto-Unuiĝo de Danaj Esperantistoj" la subskribinto intencas fari sciencan studon pri tiu temo kaj tial deziras kolekti materialon. Instruistoj, kiuj bonvolos sciigi siajn spertojn tiurilate (ekz. faciligo per Esp. en la lernado de aliaj lingvoj) aŭ kiuj alimaniere povas faciligi la laboron (atentigi pri literaturo, kiu koncernas la temon) estas petataj, skribi al

Paul Neergaard, lic. hort., Kastelsvej 21, Kopenhago O.

---

# Nomigado de diversgradaj lernejoj, instruistoj, lernantoj.

En la lasta numero de „Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esp.-ista“ mi havis la okazon per artikolo tuŝi i. a. la demandon pri nomigado de diversgradaj lernejoj ktp. Ĉar tiu temo supozinde interesos al la legantoj de IPR mi faras la ĉi-subajn malmultajn rimarkojn, kiuj eble povos fari bazon por diskutado.

Ekzistas ofte iom da konfuzo koncerne al la Esperanto-formoj pri diversgradaj lernejoj kaj ties lernantoj kaj instruistoj. Estas diferenco inter franca „professeur“, germana „Professor“ kaj skandinava „Professor“. Dum kolegio en unu lando estas altlernejo, ĝi en alia lando ricevas la signifon de mezlernejo ktp. Sed ĉu ni devas blinde traduki naciajn vortojn esperanten — ĉu ne pli bone, ke fakanoj fiksu la internaciajn formojn kaj signifojn de tiaj esprimoj per diskutado? Al la sekvantaj tabelo kaj klarigaj notoj mi petas al la legantoj, ke ili faru rimarkojn kaj aldonojn.

| Lernejo | | Ano | Instruanto | Estro | Diplomito |
|---|---|---|---|---|---|
| malsupera, elementa | | lernanto | instruisto<br>ĉefinstruisto | lernejestro | — |
| mezgrada, duagrada | kolegio | kolegiano, lernanto ĉe k. | k-a profesoro<br>k-a lektoro | kolegiestro | diplomito de k. |
| | liceo, gimnazio | liceano, gimnaziano | gimn. / licea prof. / lekt. | liceestro<br>gimn.-estro | abituriento |
| supera, altlernejo | kolegio | studento ĉe k. | lektoro, docento, profesoro ĉe k. | rektoro | licencito aŭ licenciato |
| | akademio | studento ĉe a. | lektoro, docento, profesoro ĉe a. | rektoro | licencito aŭ licenciato |
| | universitato | studento ĉe u. | lektoro, docento, profesoro ĉe u. | rektoro | licenc.-<br>magistro<br>doktoro |
| | konservatorio | studento ĉe k. | lektoro, docento, profesoro ĉe k. | rektoro | diplomito de k. |

Lektoro. Certe estus pli bone, se oni povus trovi pli konvenan formon ol lektoro en ĝia signifo de gimnazia ĉefinstruisto, precipe pro tio, ke universitata profesoro estas kvazaŭ ĉefinstruisto ĉe universitato, dum lektoro ĉe universitato havas pli malaltan rangon. Ĉu iu el la legantoj helpos per propono?

Popola altlernejo: daŭrigaj kursoj por studantoj kun scio de ĝenerala mezlernejo.

Popollernejo: fundamenta lernejo.

Preparlernejo: elementa lernejo 4- aŭ 5-klasa, kiu preparas por la mezgrada lernejo.

Progimnazio: mezlernejo, kiu preparas por gimnazio.

Realgimnazio aŭ reallernejo en la signifo de „duagrada lernejo malpli grava ol liceo aŭ gimnazio“ eble estus preferinda al kolegio, por kiu oni povus rezervi la signifon de altlernejo.

Studento k. a. Ekzistas diferenco inter studanto (tiu, kiu simple studas), studento (studento ĉe altlernejo), kaj abituriento (diplomito el liceo, gimnazio). Abituriento ne ĉiam estas studento kaj renverse.

Teknikumo: teknika altlernejo.

Ĉu esprimoj kiel 1-agrada, 2-agrada kaj 3-agrada pri lernejoj estas bonaj — almenaŭ nefakanoj povas dubi pri tio, ĉu ekz. 1-agrada estas elementa lernejo aŭ supera. — Mi proponas, ke oni konsekvence evitu tiujn esprimojn, ĉar ni posedas pli klarajn: elementa, meza, supera.

Ĉu liceo kaj gimnazio havas tute la saman signifon? (laŭ Kabe kaj Plena Vortaro jes). Kiu respondos? Paul Neergaard, Kopenhago.

---

## Kongreso por infanetedukado 1932.

**1.—5. de Okt. 1932 en la magistrata domo de Berlin-Schöneberg.**

**1-a Tago:**

Antaŭtagmeze: Malfermo kaj „Celkonscia lerneja reformo“. Paroladoj: 1. Homar- kaj infanet-mizeroj. Prof. Paul Oestreich, Berlin. 2. La problemoj de la pedagogio en la nuna tempo. Stud.-kons. Martin Weise, Dresden.

Posttagmeze: Individualpsikologio. Paroladoj: 1. Psikologio kaj edukado de suĉinfano kaj infaneto. Ruth Künkel, Berlin. 2. Ekzercado (Training) kaj medio kiel fundamentaj faktoroj de la karaktero: Martin Sperber, Berlin. 3. Individualpsikologio en la lernludejo: Trude Weigel, München. 4. Edukendaj edukistoj: Dr. Fritz Künkel, Berlin.

**2-a Tago: Germana Fröbelasocio.**

Antaŭtagmeze: Paroladoj pri infanetedukado: 1. Idearo de Fröbel pri infanetedukado kaj la moderna lernludejo de Fröbel laŭ la nuna infanet- kaj klerigpsikologio: Dr. Martha Muchow, Hamburg. 2. La vivmedio de l' infaneto en la lernludejo: Dr. Lina Mayer-Kulenkampff, Berlin.

Posttagmeze: Paroladoj: 1. Porprofesia klerigo: Dr. Hanna Boeckers, Berlin. 2. Porpatrina klerigo: Luise Lampert, Stuttgart.

**3-a Tago: Vizitadoj kaj gvidadoj:**

Vespere: Publika manifestado: „La tutan homecon por ĉiu infaneto“.

**4-a Tago:**

Antaŭtagmeze: Asocio Montessori-pedagogio en Germanujo. Paroladoj: 1. La plenkreskulo rilate al la infano. 2. La infano en sia medio. 3. La produktivaj fortoj de la infano. (Parolontoj konatigotaj.) Sinjorino Dr. Maria Montessori verŝajne mem partoprenos la kongreson.

Posttagmeze: Germana Montessori-asocio. Paroladoj: 1. La psikologia fundamenta problemo de la infaneto kaj la pedagogiaj solvoprovoj: Prof. Kurt Lewin, Berlin. 2. Sperto de la spontanea aktiveco de la infanoj en la praktiko de la infanejo. Prof. Dr. Karl Gerhards, Aachen. 3. La Montessori-infanejo kiel organa fundamento de la Montessori-lernejo: Dr. Käte Stern, Breslau.

**5. Tago:**

Antaŭtagmeze: Psikanalizo: Paroladoj: 1. La psikanaliza psikologio de la infaneto: Dr. Siegfried Bernfeld, Berlin. 2. La edukado de la infaneto laŭ psikanaliza vidpunkto: Anna Freud, Wien.

Posttagmeze: „Celkonscia lernejreformo". Paroladoj: 1. Infaneta edukado kiel celkonscia lernejreformo: Dr. Otto Tacke, Stettin. 2. Edukado kiel kulturpolitiko: Dr. Fritz Helling, Schwelm. Finparolado: Paul Oestreich.

Kunvokas: Asocio de celkonsciaj lernejreformuloj. Ni petas ĉiujn unuopulojn, registarojn, asociojn, instituciojn kaj edukejojn interesiĝantajn pri la reformo de la infanetedukado, ne okupi per propraj aranĝoj la tagojn de la 1.—5. de Okt. 1932, komuniki la fakton kaj la programon de la kongreso al siaj rondoj kaj iam hodiaŭ sin mem decidi kaj prepari por la delego de la kongreso.

Ĝeneralajn alskribojn pri la kongreso bonvolu adresi al Prof. Paul Oestreich, Berlin-Friedenau, Menzelstrasse 1.

---

## Esperanto kaj lernejoj.

Prilaborita de Albrecht Naumann, Großenhain Sa. (Germ.).

La 31-a konferenco de Laborkomisiono por TAGE je 2-a de aprilo akceptis mian proponon, regule raporti en IPR pri la sukcesoj rilate al Esperanto-instruo en la diversaj lernejoj. La rubriko „Esperanto kaj lernejoj" nun montru al ni la laboron de la unuopaj kolegoj. Samtempe tiaj sciigoj multe helpos al la aliaj kolegoj en ilia varbado. Plej urĝe petataj estas ĉiuj, tuj sciigi al mi siajn sukcesojn. Necesege ankaŭ estas, ke mi povu publikigi la diversajn oficialajn dekretojn pri permesoj de Esp.-instruo en lernejoj. Kaj la instruistaj rondoj eluzu tiajn dekretojn por sia regiono aŭ lando.

Vidu ekzemple la deziresprimon de Lyon'a urbkonsilantaro! Kiel ĝi povus havi sukceson, se ĝi aperis en iu ĝenerala Esp.-gazeto kaj nun kuŝas kaŝe en ĝi! La diversaj landaj organizaĵoj instruistaj nepre devas eluzi tiun proponon! Ĉu vi eble pensas, ke ni atingos celon sen nia propra energia laboro? Tute ne! Atentu ankaŭ la alian proponon de Dortrecht kaj la du oficialajn dekretojn en Bulgarujo kaj Italujo (Venezia)! Ili estas gravegaj helpiloj por nia laboro, se ni scias uzi ilin. Kaj ni devas eluzi ilin, se ni volas progresigi la evoluon de nia afero. Alie ni havos post 50 aŭ 100 jaroj la saman situacion!

Hodiaŭ mi prezentas al la leganțaro la sciigojn, kiujn mi ĉerpis el la Esp.-gazetaro de la nuna jaro. En la venontaj kajeroj tiu rubriko certe estos multe pli malampleksa, sed zorgu, ke iom post iom ĝi estu kompleta kaj ĉiam aktuala. Tiam vi ankaŭ povos elĉerpi la materialon por via nacia gazeto, por montri la sukcesojn de Esperanto. Mi esperas, ke mi ne vokas en landon senehan! Sendu materialon al pormetia supera instruisto A. Naumann, Joh.-Allee 12, Großenhain Sa. (Germ.).

### I. Eŭropo.

#### 1. Britujo.

Oxford. Je la fino de 1931 fondiĝis Esperantista Biologista Rondo perletera en kolegio de la universitato. Interesuloj skribu al la fondinto: S-ro R. M. Morris Owen, Balliol College, Oxford.

#### 2. Bulgarujo.

Sofia. La malfavora dekreto de eksministro Majdenov estas nuligata per jena cirkulero n-ro 42462 de 21. 12. 31:

„Mi nuligas la punktojn 1, 2 kaj 4 de cirk. n-ro 9607 (10. 4. 28) koncerne la malpermeson de Esperanto en la mezlernejoj.

La ministerio de publika instruado rajtigis per speciala letero n-ro 6448 de 8. 3. 32 s-ron Krestanov, fari antaŭ la gelernantoj de ĉiuj mezlernejoj en la tuta lando paroladojn pri „Esperanto kiel faktoro de klerigo" kun demonstracioj kaj bildoj. Ĝi ankaŭ reko-

mendas la paroladojn al la atento de la gimnaziaj direktoroj.

Kuraĝigite de la sukcesoj de la deviga instruado de Esperanto, D-ro Gavrijski, dir. de la komerca gimnazio „Minerva“, enkondukis Esperanton ankaŭ en ĉiujn klasojn de la vesperaj kursoj. Instruas s-ro Krestanov.

Varna. En la knaba gimnazio fondiĝis 29. 1. 32 societo „Vekiĝo“ kun 180 membroj. Matematik-instruisto M. Kvartirnikov faris profunde sciencan prelegon pri „la signifo de Esperanto kaj ĝia estonteco“. Simila societo fondiĝis ankaŭ en la knabina gimnazio.

### 3. Ĉeĥoslovakujo.

Uh. Hradiŝte. 14. 2. enkonduka parolado pri la 23-a Esp.-kongreso en Krakovo antaŭ instruista unuiĝo „Komensky“. Poste Ĉe-metoda provleciono. 14 geinstruistoj partoprenas kurson. Gvidas instr. Dolfa Bartoŝik. Bone efikas, ke en la nova instruplano por burĝaj lernejoj estas inter fremdlingvoj libere elekteblaj ankaŭ Esperanto.

### 4. Danujo.

Kopenhagen. La speciala delegito de ICK, Ĝenevo, reg.-kons. Steiner, Wien, vizitis 17. 3. la Blindulinstituton, kie oni komencis instrui Esperanton ekster la plano laŭ peto de kelkaj knabinoj.

### 5. Estonujo.

Tartu (Dorpat). 24. 2. alvenis K. Tunón el Svedujo kaj faras nun kursojn en universitato kun 15 personoj, en vespera gimnazio kun 60 personoj, ankaŭ en aliaj lernejoj.

### 6. Francujo.

Boulogne s. M. Kurso en katolika instituto S-ta Jozefo.

Lyon. La urbkonsilantoj kunigitaj sub la prezido de E. Herriot akceptis unuanime kaj voĉdonis la jenan deziresprimon proponitan de Clavel:

„Konsiderante, ke la tasko de repaciĝado kaj alproksimiĝado de l' popoloj ne sukcesos tiom longe, ke tiuj popoloj uzos nur sian nacian lingvon, la urbkonsilantaro de Lyon esprimas la deziron, ke estu deviga en la lernejoj de la tuta mondo, ĉu ŝtataj, ĉu privataj, la instruado de la internacia Esperanto.“

Roanne. En la liceo de knabinoj stariĝis Esp.-grupo.

Toulouse. La Komerca Ĉambro permesis nedevigan Esp.-instruadon en la Supera Komerca Lernejo. Instruas instruisto Baumel.

### 7. Germanujo.

Frankfurt a. M. 6. 3. la popolaltlernejo montris la bonajn rezultojn, kiujn ĝi atingis en 18 lecionoj. Multaj aŭtoritatuloj kaj Esp.-fakuloj ĉeestis. Samtempe okazis oficiala ekzameno pri kapableco.

Großenhain Sa. Pli ol 40 infanoj en la popollernejo estas instruataj de s-ro instr. E. Krauße kaj s-ino instruistino Ch. Krauße. Tio estas daŭrigo de la komenca kurso de s-ino Morariu el Oerebro.

Köln. 19. 3. provleciono de instr. A. Fehr kun klaso de instr. Simons en popollernejo de Köln-Kalk. Ĉeestis krom gepatroj kaj samideanoj ankaŭ reprezentantoj de „Kölnische Zeitung“, „Mülheimer Zeitung“ kaj „Heroldo de Esperanto“.

Radeberg Sa. Infana kurso de s-ino Morariu estas daŭrigata kun 60 partoprenantoj.

Radebeul-Oberlößnitz i. Sa. Post la kurso de s-ino Morariu lernas ankoraŭ 18 infanoj ĉe lernejestro Schiertz.

### 8. Italujo.

Brescia. En la Reĝa Instituto „Magistrale“ du kursoj, unu en Reĝa Teknika Instituto.

Gradisco d'Isonzo (Prov. de Gorizia). Kurso ĉe la profesia lernejo G. B. Maccari.

Pordenone (Prov. de Udine). Kursoj ĉe Reĝa Liceo, Reĝa Teknika Instituto kaj Episkopa Seminario. Pastro Bianchini, LK, faris sukcesan paroladon pri Esperanto.

Torino. Kurson en Reĝa Teknika

Instituto gvidas univ. prof. D-ro G. Canuto.

Venezia. Prof. Umberto Renda, direktoro de la ŝtataj lernejoj de la Venecia regiono, disdonis al la direktoroj de la lernejoj en la urbo Venezia cirkuleron, en kiu li rekomendas la partoprenon al kursoj de Esperanto instruota pere de la estraro de la Venecia Esp.-ista Grupo. En la cirkulero Prof. Renda elmontras la meritojn de Esperanto por ĉia kulturo rememorante ĝiajn lastajn eluzojn por radiofonio, komercaj foiroj, turismo ktp.

Sekve oni nun komencis gvidi kursojn en jenaj Veneciaj ŝtataj lernejoj: du reĝaj Klasikaj Liceoj, la Reĝa Scienca Liceo kaj la Reĝa Instituto Magistrale. Geinstruistoj estas f-ino prof. C. Minio, s-roj prof. Guzzetta kaj prof. Copeta.

### 9. Latvujo.

Riga. Reg.-kons. Steiner, Wien, faris prelegojn kun filmo, lumbildoj pri Aŭstrujo kun prezento de gramofondiskoj kun aŭstra muziko en tri lernejoj.

### 10. Litovujo.

Kaunas (Kowno). La rektoro de la jezuita gimnazio permesis enkonduki Esperanton en la jezuitajn lernejojn litovajn eke de lernjaro 1932.

### 11. Nederlando.

Dortrecht. Antaŭ nelonge en la komunumkonsilantara kunveno membro faris duonhoran paroladon, favoran al Esperanto. Fine li prezentis jenan proponon, subsignitan ankaŭ de du aliaj membroj:

> La konsilantaro petas la kolegion de urbestraro kaj skabenoj, fari esploron, kiagrade kaj en kiujn lernejojn en Dortrecht la instruado de Esperanto estos enkondukebla; al la konsilantaro raporti pri la rezulto kaj ev. aldoni al la raporto proponojn.

La konsilantaro senvoĉdone alprenis la proponon.

Nymegen. La urbestraro ĉiujare subvencias kurson por 11—15-jaraj gelernantoj. La kursestro, instr. J. R. Peters, scipovas veki intereson pri internacia korespondado kun la tutmonda junularo. Nun jam estas starigitaj div. kursoj en lernejoj.

### 12. Norvegujo.

Elverum. 12. 2. finiĝis Ĉe-kurso kun 35 partoprenintoj en la geinstruista seminario, aranĝita de ĉefinstruisto Gjone, kiu mem lernis nian lingvon nur en ĉi tiu kurso. La kurso estis bonsukcesa.

Kristiansund. Konsulo Alf Christensen faris paroladon antaŭ komercista asocio kaj nun gvidas kurson en komerca gimnazio.

Larvik. Kurson por popollernejanoj gvidas D-ro Fischer.

### 13. Polujo.

Bydgoszcz (Bromberg). Esperanto estas instruata en ses lernejoj.

### 14. Rumanujo.

Constanza. 3. 3. fondiĝis sub la gvidado de prof. Gn. Carp la societo „Esperantista kaj Stenografia Asocio de la lernantoj de la Liceo Mircea del Batran". kies celo estas la disvastigo de Esperanto kaj stenografio inter la liceanoj. La 10. 3. komenciĝis kursoj de Esperanto kaj stenografio sub s-ro Aurel C. Boia.

### 15. Sudslavujo.

Zagreb (Agram). Tre vigla laboro de la „Studenta Esperantista Klubo". 22. 3. finiĝis du kursoj. Nova kurso kun 18 partoprenantoj komenciĝis de Kuniĉ, stud. jur. 1. 4. kurson por progresintoj kun 25 partoprenantoj gvidas stud. jur. Lapenna.

### 16. Svedujo.

Mölnlycke. 13. 3. lumbildparolado de Jean Forge en popola altlernejo.

Seglora. 17. 3. la sama afero.

Ulricehamn. 2. 3. lumbildparolado de Jean Forge en aŭlo de reallernejo. La rektoro kaj multaj geinstruistoj ekinteresiĝis pri Esperanto, precipe pri la Ĉemetodo.

17. U. S. S. R.

Kiev. En tri klasojn de Ukraina Lingvistika Instituto oni enkondukis instruon de Esperanto. Fondiĝis rondeto de 15 studantoj.

Kozlov. Ĉe selekcia instituto rondeto kun 18 studantoj.

Tiflis. Ĉe fabrika lernejo Esp.-rondo kun 50 personoj, inter ili 12 rusoj, 5 georgianoj, 20 armenoj, la ceteraj aliaj kaŭkazanoj.

Balaŝov. Ĉe Ivanov-instituto vigla Esp.-rondo kun 60 personoj.

Voĉĥovstroj. Deviga instruo en mezlernejo, superaj klasoj, 300 lernantoj.

**II. Afriko.**

1. Egiptujo.

Fayoum. Nova kurso funkcias ĉe la knabina lernejo kopta dum tri tagoj en la semajno. Gvidas Tadros Migalli, del. de UEA, prez. de loka grupo.

2. Madagaskaro.

Manakara. Ĉi tie propagandas protestanta instruisto Gervais.

**III. Ameriko.**

1. Kanado.

Hamilton (Ontario). En la universitato kurso kun 10 studentoj. Gvidanto estas univ. stud. Norman Mc. Nairn.

# 23-a Brita Esp.-Kongreso 1932.

Arangoj montris zorgon kaj multe da laboro flanke de lokaj komitatanoj, kaj la energia sekretariino, f-ino Kay, kune kun evidentaj deziroj por ĝuebligi viziton, de la Southport-a konsilantaro kaj aliaj.

Ni forte bedaŭris la malsanecon, kiu tenis s-rojn Warden kaj Page (de Edinburgh) for de la pentekosta kongreso.

Aferkunvenoj, koncerto kaj balo pasis agrable kaj sukcesplene. Oni donis multajn utilajn informojn pri la movado brite kaj alilande. La ekonomia krizo ĉie malhelpas, sed estis plaĉe ke la B. E. A. finance pli forte staras ol ŝajnis eble antaŭ ses monatoj.

La instruista kunveno bone estis organizita de komitato, kies sekretariino f-ino Nixon (Bournville) ĵus akceptis la britan agentecon de TAGE, pro la bedaŭrinda malsaneco kaj rezigno de f-ino Morton.

Apenaŭ okdek geinstruistoj ĉeestis, riprezentante multajn regionojn de Granda Britujo, kaj la procedo estis pli ol ordinare vigla.

Anstataŭ prezidanta parolado, Prof. Collinson taŭge kaj lerte prezentis la parolantojn. La ĉefaj eroj estis paroladoj pri spertoj en Esp.-instruado

1. ĉe duagrada lernejo (Secondary Girls' School, Bishop Auckland). Post kelkaj jaroj de ne tre vigla instruado, f-ino Edwards sukcesis, ke ŝi organizu kaj vivigu la instruadon. Ŝi nun donas kvin duonhorajn lecionojn posemajne.

2. Ĉe unuagrada lernejo, f-ino Hogg (Ellesmere Port) mirinde sukcesis. Ŝi aranĝis trijarajn kursojn, unuajare bazitaj sur Ĉe-metodoj, duajare laŭ „Step by Step" (Butler), triajare korespondado, multdiversa legado, kaj ia ajn ero kiu realigos la lingvon. Pruvas intereson, ke kelkaj el ŝiaj lernintoj grupiĝis propravole por daŭrigi la lernadon de Esp.

Oni legis leterojn de kolegoj, kiuj ne povis ĉeesti la kunvenon; kaj aliaj rakontis spertojn kun skoltoj, inspektoroj, regionaj edukaj komitatoj, kaj kolegoj indiferentaj aŭ kontraŭstarantaj.

Mi propagandis TAGE, kaj ankaŭ parolis pri la neceseco, ke ni laboru pro la enkonduko de Esp. en la instruistajn seminariojn. Geo. W. Roome.

# Raporto el Jugoslavio.

Pri la fakkunsido de la geinstruistoj okaze de la 5-a Esp.-kongreso en Slav. Brod, la 16-an de majo:

Laŭ la cirkonstancoj ĝeneralaj kaj konsiderante, ke la libertempo ankoraŭ ne komenciĝis, nia fakkunsido estis relative bone vizitita. Menciinde estas, ke ĝi estas unua en nia lando.

Malferman paroladon faris s-ino Olga Ullrich el Brod, salutante la gastojn kaj

parolante ĝenerale pri la taskoj de la geinstruistaro rilate nian movadon. Krom ŝi parolis: S-ino Viktorino Lichtenwallner el Maribor, malnova esperantistino, elmontrante sian sperton pri la „testoj". Poste parolis maljuna kolego s-ano Izidor Rižnar el Gjelokovec kaj komercilernejestro s-ro Rade Peleŝ el Tuzla. Ĉiuj forte akcentis la gravecon de la TAGE-organizo kaj promesis labori en la senco, ke ĉiu kolego scipovanta Esperanton, nepre aliĝu al ĝi.

S-ino Ullrich disdonis al multaj kongresanoj la varbmaterialon kiun la partoprenintoj disvastigos tra la tuta lando, ĉar la kongreson vizitis vere gesamideanoj el ĉiuj partoj de nia ŝtato.

Rimarkinde estas, ke la fakkunsidon vizitis ankaŭ neesperantistoj-instruistoj kaj espereble oni akiros kelkajn novajn mondlingvanojn.

Rezulte oni povas paroli pri la kontentiga sukceso.

La unua postkongresa tasko estas havigi adresojn de ĉiuj Esp.-instruistoj en Jugoslavio. Mi jam havas 40, kiujn mi forsendos al s-ro Prvanovič.

Olga Ullrich, instruistino.

---

# Internacia Somera Esperanto-kurso por Geinstruistoj.

En la somerferio okazos en Silkeborg 8-taga internacia Esperanto-kurso por geinstruistoj. Ĝi estos gvidata de la germana Ĉe-metoda instruisto AJO, kiu dum pli ol unu jaro senĉese en Danlando gvidis treege multe da kursoj kun granda sukceso. Dank' al lia eksterordinara propagandlaboro kaj instrutalento aperis en ĉiuj lokoj, kie li laboris, novaj grupoj aŭ la antaŭaj grupoj 4—5-oble pligrandiĝis. Prave oni povas diri, ke per li Danlando vekiĝis rilate al Esperanto.

La kurso daŭros 8 tagojn kun 6 horoj da instruado ĉiutage. Ĝi okazos en la junula lernejo „Kornmod", en kiu ĉiuj partoprenantoj ankaŭ povos loĝi kaj manĝi. La instruado kostos 10,— Kr. (8,60 gmk.), loĝado kaj manĝado kune 20,— Kr. (17,20 gmk. laŭ nuna kurzo).

Silkeborg (15 000 loĝ.) situas en la koro de Jutlando. Ĝi estas belega urbo kuŝanta inter plej ĉarmaj vastaj fagarbaroj kaj multaj trankvilaj lagoj. Sur la lagoj estas somere vigla ŝiptrafiko al la plej belaj vidindaj lokoj kaj insuloj, i. a. al la plej alta monto en Danlando „Himmelbjerget" (ĉielmonto). Resume: Silkeborg kaj ĝia ĉirkaŭejo estas unu el la plej belaj lokoj en Danlando kaj granda atrakcio por turistoj.

La kurso estos por komencantoj, kiuj neniam lernis Esperanton, kaj tute internacia. Esperanto estas instruata per Esperanto. Pro tio ĉiu ajn povas partopreni, tute egale de kiu nacio. Krome partoprenos nur geinstruistoj, fakaj gekolegoj, kaj en la vesperoj estos okazo por priparoli pedagogiajn kaj aliajn interesajn temojn.

Estimataj esperantistaj gekolegoj! Instigu viajn ne-esperantistajn kolegojn al partopreno. Pli ĉarman lokon por sia somerrestado kaj pli bonan aplikon de 8 tagoj el sia ferio oni ne povas trovi. Krome profitu la nunan malaltan danan monkurzon!

Kompreneble ĉeestos interpretantoj por la ĉefaj lingvoj.

Estimataj esperantistaj gekolegoj! Se vi mem deziras lerni la Ĉe-metodan Esperanto-instruadon aŭ ekscii, kiamaniere aranĝi plej bonan Esp.-propagandon, partoprenu la kurson! S-ro AJO scias la sekreton. Li jam faris grandajn miraklojn en nia lando.

Se vi deziras specialajn informojn pri la kurso, skribu al mi. (Respondkupono.)

Ĉar ni aperigis artikolojn pri la kurso en multaj danaj, svedaj kaj norvegaj instruistgazetoj kaj en diversaj Esperanto-gazetoj, ni atendas grandan nombron da partoprenontoj, pro kio ni petas baldaŭan aliĝon.

L. Friis, instruisto,
Frodesvej 21, Aabyhøj, Danlando.

## Recenzoj.

### Esperanto-instruado.

Inter la verkoj por la Esp.-instruado, recenzitaj ĉi tie, certe elstaras laŭ taŭgeco tiuj por pliperfektigo. Pritraktinda estas la demando, kiel estu aranĝataj tiaj helpiloj: ĉu en formo de libro aŭ de gazeto, ĉu laŭ sistema gramatiko aŭ nura ekzercado per legado. Tiu problemo estas ekkonita kiel gravega precipe depost la kursoj elementaj de Andreo Cseh.

Tial nur estas ĝojiga fakto, ke la Cseh-Instituto nun preparas sistemon por daŭriga kurso, kies unu grava punkto estas la jena gazeto, aperinta la unuan fojon en januaro 1932:

La Praktiko, redaktas kaj eldonas Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, den Haag, Nederlando. Aperas monate. Abonprezo por unu jaro: 1 dolaro. Formato 24,5×31, paĝoj 16. La gazeto instruas kaj amuzas laŭ la Cseh-principo „per amuzo al la cerbo". Oni devas konfesi, ke serena kaj forta kaj sistema laboro kaŝiĝas malantaŭ la rozkolora, agrabla materialo de tiu nova verko de l' entuziasmoplena pedagogo. Vere simplan stilon kaj sisteman pritraktadon garantias lia nomo. Surskriboj de la ĉefaj partoj (laŭ la ĝisnunaj numeroj) pruvu la riĉan kaj taŭgan enhavon de la gazeto: Bildotabulo (el Thora Goldschmidt, Bildotabuloj) peras vorttrezoron, Faru la kontrolon pritraktas gramatikon (ĝis nun la participojn, la sufiksojn -ig, -iĝ, la prepoziciojn por, pro, per, pri) nur en Esperanto, klarigante la sencon de la gramatikaĵo, postulante kompletigon de teksto parte malplena kaj donante solvojn en la sekvonta numero, Momenton! donas malgrandajn rakontojn pri grandaj homoj, La mondo ridas, Bildoj el la Esp.-movado, Panoramo enhavas kuriozaĵojn el tutmondo, La nova literaturo estas verkita de novaj esperantistoj kaj tial tute simpla kaj per tio kuraĝiga legaĵo, Konkursoj kun premioj, La mondo estas interesa, krome: respondoj de la redakcio, oftaj eraroj, korespondo-angulo. Ĉiu daŭriga kurso, ĉiu grupo aŭ rondo havas per tiu gazeto rekomendindan, ĉar aktualan helpilon por sia laboro. Neniam estos malfacilaĵoj pro manko de taŭga materio!

Sed same rekomendindaj estas ankaŭ la sekvantaj tri verketoj:

Dr. Leopold Dreher, Supera kurso de Esperanto, 2-a eldono, 1932, Krakow, Starowislna-strato 37. 66 paĝoj, prezo sv. fr. 1,25.

Tiu libreto enhavas 10 lecionojn, ĉiu leciono legaĵon, gramatikajn pritraktojn kaj taskojn por hejma aŭ kursa laboro (demandaron, rakontadon, lingvan taskon). Nur unu regulon gramatikan la aŭtoro volas prezenti, nome: „En Esperanto estas korekta, kio estas klara." Tiun promeson li bone plenumas. La legaĵoj vere estas interesaj, enestas ankaŭ artikoletoj pri Zamenhof, kreo de Esperanto kaj pri originala literaturo en Esperanto. Ciferoj anoncas tujajn klarigojn por la komprenebio. Ŝatindaj estas ekz. rimarkoj pri transitiveco aŭ netransitiveco de verboj. El la gramatiko estas pritraktataj jenaj problemoj: participoj, atributa kaj predikata adjektivoj, kunmetitaj formoj, refleksivaj pronomoj, afiksoj, infinitiva formo, prepozicioj tempaj. Krome oni trovas analizon de versaĵo, kielon de komerca letero, la principon de sufiĉo kaj neceso, kaj ne mankas aludoj pri stilaj nuancoj. La kunmetitaj formoj ne ekzakte estas klarigataj per surskriboj „komencota ago: temp posteco" (= formoj kun -onta, -ota), k. s. Pli logika estas la klara diferencigo inter tempo (estinta, estanta, estonta), kiun indikas la helpverbo, kaj ago (finita, okazanta, komencota), kiun indikas la participo. La klarigo pri la uzado de si en la frazo (p. 22): Karlo ne lasis sin bati de Paŭlo (= ke Paŭlo batu Karlon) kontraŭas la donitan regulon (necesa rilato al la propozicia subjekto. La formo „alportontas" (p. 31) certe estas preseraro.

De la sama aŭtoro (en la sama eldonejo):

Dr. Leopold Dreher, Anekdotaro, studo per rido kun lingvaj klarigoj kaj vorttradukoj franca, angla, germana, pola, por pli funda ekkono de Esperanto. 64 paĝoj, prezo 1 sv. fk.

Sur la marĝenoj troviĝas klarigoj al la legaĵo (aŭ pri radiko, aŭ kunmetaĵoj, gramatikaĵoj, vortnuancoj). Pripensinda restas la fakto, ke precipe ŝercoj kaj anekdotoj sufiĉe internaciaj estas disvastigataj jam per naciaj gazetoj, do oni tro ofte legas ion jam konatan. Sed ĉiam ja restas la tasko, doni al kursgvidantoj modelajn prilaboraĵojn de tiaj anekdotoj, kaj tiun taskon sukcese solvis la aŭtoro.

Similan celon, doni „taŭgajn legaĵojn por kursoj ĉe progresintaj lernantoj aŭ studrondoj", havas:

Unua Legolibro, eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda, 23, Rue Boyer, Paris XX; 103 paĝoj, prezo ne indikita.

Kolekto da legaĵoj por klaskonsciaj laboristoj. Dividita en ses partoj: Anekdotoj, Pensigaj rakontetoj, Paĝoj de l' rido, La lingvo kaj ĝia vivo (kun rekomendinda regularo parte por ĉia esperantisto), Priskriboj, La scienco kaj la Instruo (kun serenaj artikoletoj el religio, botaniko, astronomio, edukado, naciismo). Ĉiuj geografiaj nomoj estas skribitaj laŭ Esperanta ortografio: tio postulas klarigojn. La artikolo pri la koro de l' plantoj enhavas germanecajn parolturnojn: „ĝis en la plej malproksimaj folietoj" kaj „ĉu la nutraĵo estas utila aŭ male". (p. 91). Preseraroj pĝ. 94: pli supera al, pĝ. 95 eferema anstataŭ efemera. Rimarkindaj estas notoj pri nuancoj, ekz. pasi, paŝi, diferencigo inter germano kaj germaniano. Vere laŭdinda estas la alta nivelo de la kolekto, kiu prezentas ne nur ion ĉiutagan, sed incitas al propra prilaboro de certaj kulturkampoj en esperantista rondo.

Gajaj vesperoj, verkis kaj kompilis C. Walter. Paĝoj 80, prezo 1 germ. markon. Aĉetebla ĉe C. Walter, Hohenzollernstr. 11, Berlin W 10 (Germanujo). Poŝta ĉeko Berlin 857 66.

La verketo provas utiligi ĝenerale la sintenon en la Ĉe-kursoj, tial ĝiaj du celoj: amuzi la esperantistaron kaj fari la grupvesperojn tiom gajaj kaj amuzaj, ke la grupanoj vizitu la grupvesperojn kun vera plezuro. Do la libreto enhavas spiritaĵojn, anekdotojn, tri rakontetojn, nombro-mirindaĵojn, preseraroјn, ludojn en kunvenejo kaj en libera aero kaj regulojn kaj konsilojn por grupgvidantoj. Certe la kolekto helpos „origi per ĝojo" la grupajn ekzercadojn kaj vesperojn. Ĉiu lerta grupgvidanto ja povas kompletigi la libreton per novaĵoj kaj per tio helpi al nova bona formo de kunvenoj ĝenerale, ne nur al amuziga ekzercado.

La verketoj por elementaj kursoj en Esperanto pruvas, ke la ĉefaĵo de kurso ne estu la lernolibroj, ke ili ankaŭ nur estu helpiloj:

Övningsbok till elementärkurs i Esperanto. (Ekzercada libro por elementa kurso en Esperanto). Ellab. de Sam Jansson. Eld. Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, 1931. Paĝoj 30, prezo sv. kr. 0,50.

La libreto kompletigas la sukcesplenan kurson perkorespondan de Sveda Esperanto-Federacio. Krome ĝi estas uzata je la radiolecionoj Esperantaj.

Tekstoparto al la gramofona kurso en Esperanto, eldonita de Eld. Soc. Esperanto, Stockholm, Svedujo. Paĝoj 19, prezo sv. kr. 0,60. La kurso konsistas el tri diskoj, kiuj kostas kune 12 kr. (por afranko en Eŭropo aldonu 3 sv. kr., ekster Eŭropo 5 sv. kr.), enhavas sur la unua disko modelan elparolon, parte kun instruado por svedoj, sur la dua ekzemplojn el la Fundamento kaj sur la tria du dialogojn (nur en Esperanto), la unua estas dialogo en la vagonaro, la dua konversacio inter esperantisto kaj skeptikulo, (kiu ankaŭ parolas Esperante!).

La simpla Esperanto, de Dr. Szilagyi Ferenc, eld. Literatura Mondo, 1931, Budapest IX, Mester-utca 53, V. 7. Paĝoj 40, prezo ne indikita.

Tiu elementa lernolibro por hungaroj laŭ tuta aranĝo estas helpilo en kurso, kiu certe devas esti simila al Cseh-kurso, minimume al tre lerta, flua kunlaboro inter lernantoj kaj gvidanto. Nacia (hungara) lingvo ofte estas uzata. Simplaj bildoj klarigas vortojn, rilatojn, diferencojn. Pribonigindaj ŝajnas esti la bildoj sur paĝoj 8, 20, 29. Tre bona estas la simpla historieto en la kvara leciono (La paradizo), tre rekomendinda estas inter aliaj jena aro da vortoj: miaŭas — bojas — parolas — silentas: Sed komprenebla kaj pedagogia estas tia evoluo nur per traviva, buŝa, paroliga metodo. Do entute: Ne anstataŭanto, sed bona helpanto de kurso estas tiu libreto.

Ankaŭ helpilo, por niaj gefratoj en la malproksima oriento eĉ gravega por la komenco, estas:

L a u n u a s u p l e m e n t a l e g o l i b r o d e E s p e r a n t o, de Kooĵi Taŝiro, eld. 1932. Eldon. Kiboŝa, Tokio. 100 paĝoj, prezo ne indikita.

La broŝuro enhavas simplajn legaĵojn, kiuj iom post iom fariĝas pli malfacilaj, kaj blankajn paĝojn por rimarkoj de la leganto. La unuaj frazoj estas salutoj kaj fundamentaj ekzercoj kun „mi havas“ kaj „mi volas“, sekvas malgrandaj frazaroj pri ĉiutagaj objektoj kaj bezonoj, kaj finas la verkon idiliaj rakontetoj. La ekstera aranĝo estas bona. Ne rekomendindaj estas por la komenco mallongigitaj frazformoj: ekz. p. 38: Permesos?, pĝ. 70: ĉiam legu facilan. Ĝenerale estas ekzameninda la uzo de la formoj per -e (pj. 28, 32, 38, 40): Ĉu por la komenco ne estas pli ŝatinda la formo plena: „estas belege“ anstataŭ nur „belege“? En la frazo (p. 88): La turo ŝajnis esti proksime, sed estis malproksime devas esti formoj per -a. Ĝi(n) estas anstataŭenda per ili(n) sur pj. 26, 38, 30. La verbo „konkuras“ malĝuste estas uzata sur p. 46, 50: la aŭtoro certe volas esprimi „konkure rapidas“. La formo per -us estas kondiĉa formo, en la frazoj „ĉu li estus malsana?“ (p. 64) kaj „ĉu la kokoj ne manĝus?“ (p. 78) ĝi ne havas sencon de kondiĉo. Ĉu la frazo „Ne, mi nur scias ŝin“ (p. 66) signifas „scias ion pri ŝi“? Korektu: p. 80: pri tio bela plano (pri tiu bela plano), p. 88: ili . . . atingis ĉe la . . . kastelon (atingis la kastelon), p. 94: de kiu? (de kie), p. 96: bedaŭris pri (pro), la plej modernan nian lingvon („la plej moderna“, estas atributo, do post lingvo kaj komo: nian lingvon, la plej modernan, aŭ la plej modernan lingvon, la nian!).

L e c i o n o j d e m o n d l i n g v o E s p e r a n t o, unua lernolibro por junularo de mezlernejoj, sur bazo de tekstoj de Dr. L. Zamenhof prilaboris Mieczyslaw Sygnarski, eldonis 1931 „Scienca Esperanto-Rondo“, Bydgoszcz. 67 paĝoj, prezo ne indikita.

Tiu lernolibro por pola junularo enhavas 12 lecionojn, ĉiu leciono tri partojn: gramatiko, vortaro, ekzercoj kun esperantaĵo, pola teksto por tradukado, demandaro rilatanta al la antaŭa leciono. Ekzercada teksto komence konsistas el izolaj frazoj (laŭ la fundamento), poste nur sekvas rakontetoj kaj pritraktoj (La feino, La homa korpo, dombestoj k. s.). Ĝojiga fakto: la demandaro estas multampleksa: Bona incito por instruanto! La lasta paĝo donas informojn, IPR estas menciita. R. W.

## Pedagogio.

Richard Seyfert, A l l g e m e i n e p r a k t i s c h e B i l d u n g s l e h r e (= ĝenerala praktika pediologio). Eldonejo R. Oldenbourg, München 1930. 496 pĝ. Prezo: 20 gmk. Plej bone montras la karakteron de tiu verko la antaŭparolo aŭtora: „Tiu verko estas la produkto de tuta vivo. Por tio estas eble tro simplaj kaj la objekto kaj la maniero . . . Mi klopodis, elparoli la simplaĵon ankaŭ simple. Per tio mi opinias servi al leganto kaj la temo. Ĉiu scienco serĉu kontakton al la populara parolmaniero; tio precipe necesas por la scienco de pedio. Por ĝi ja enhavas la popoleca parolaro tiom da lingva trezoro ne jam levita, ke per tio la pedagogio venus

certe antaŭen, se oni konsentus pri unusenca uzado de l' esprimoj. La pedagogio eliru de populara pensado kaj plialtigu tiun iom post iom al ebeno scienca — eĉ vizaĝe de la danĝero, komence ne esti agnoskata kiel scienco serioza."

En la fundamenta parto la aŭtoro traktas pri rememoroj al homoj, lernejo kaj okazaĵoj, kiuj verŝajne estas influintaj nian evoluadon, kaj pri pediologiaj bazoj el valorfilozofio, sociologio kaj psikologio. En la dua parto estas pritraktata la pedia procedo en infanaĝo, en popoleca sfero, sur la ŝtupoj de plua ĝenerala pedio kaj de supera profesia preparado. En la tria parto la aŭtoro traktas pri rilatoj inter instruisto kaj junularo, inter unuagrada skolo kaj nacia vivo, inter instruisto kaj kultura bonaro, pri lernanta infano, pri pediiganta instruado kaj pri didaktiko.

La verko montras la esencon de nova profesia preparo instruistara kaj estas perlo de la germana literaturo pedagogia.

K. R.

Hillar Sakaria M. E. J. E, Enkonduko en la pedagogion. (Historia skizo). Tallinn 1932, eldonita de Esperanto-Instituto de Estonio. 20 pĝ. Prezo: afrankite 0,60 svis. fr. = 2 respond-kuponoj = 0,50 gmk. Mendebla ĉe H. Sakaria, Tallinn, Vene 12—6.

La aŭtoro skizas mallonge porpedagogian signifon de Sokrato, Platono, Aristotelo, Kvintiliano, de Feltre, Erasmo, Sturm, Vives, Luther, Loyola, Montaigne, Ratke, Komensky, Fénelon, Francke, Locke, Rousseau, Basedow, Humboldt, Pestalozzi, Kant, Herbart, James kaj Wundt kaj aldonas tabelon de la „estona unueclernejo-sistemo". Gekolegoj, aĉetu tiun libreton, por ke la Esperanto-Instituto de Estonio baldaŭ aperigu pliajn pedagogiajn verkojn.

K. R.

Institut universitaire de hautes études internationales Genève. (Instituto universitata de altaj studoj internaciaj, Ĝenevo.) Kio estas kaj kiel laboras tiu instituto, klarigas mallonga broŝuro, kiu ankaŭ montras prelegaron kaj kursaron por 1931/32. Adreso de la sekretariejo: 5, Promenade du Pin, Genève.

Fédération internationale des associations d' instituteurs, bultena trimonata, aperanta en Parizo, 2, Rue de Montpensier. La oktobra kajero en 1931 enhavas la raporton pri la kongreso de la federacio internacia de la asocioj de instruistoj (FIAI) en Stokholmo dum aŭgusto 1931, kiun partoprenis delegito el pli ol 20 landoj. Tiu kajero kun bonaj ilustraĵoj pri Svedujo montras amplekse la gravan laboron de FIAI.

Bulletin du bureau international d' éducation (Bulteno de la oficejo internacia de edukado), Genève, 44, Rue des Maraîchers. 5-a jaro, oktobro 1931, N-ro 4. Franclingve. La oficejo raportas pri sia agado dum la tria kvarono de 1931. Ĝi donas resumon pri la enketoj: 1. Instruado de psikologio en porinstruistaj lernejoj (écoles normales). 2. Budĝetoj de la ministerioj por publika instruado. Krome la kajero enhavas interesajn informojn pri la edukada movado en tutmondo kaj bibliografion. Citinda estas la dekreto de la ministerio por publika instruado kaj belaj artoj en Hispanujo pri preparado de instruistoj en popollernejoj.

R. W.

P. Firu kaj S. Pragano, Rumana Bonhumoro en elektitaj rakontoj. Mendebla ĉe L. Moreau, Raapopscheweg, 55, Arnhem (Nederlando). Prezo: broŝ. 2 svis. fr., tole bind. 3 sv. fr., inkluzive sendkostoj; pagebla ankaŭ per U. E. A.-respondkuponoj. Paĝoj 63. Aperis 1932.

Celo de tiu ŝatinda libreto estas prezenti al la esperantistaro iom da literaturo de forgesitaj popoloj. La aŭtoroj volas montri „specifaĵon" de la popolo rumana. kaj ili sukcesas perigi ties ironion. La travivaĵo de s-ro Lefter estas satiro bonega, situacioj vivplenaj vere ĝuigas „iom da aromo de la sukriĉaj kampoj", entute la elekto vere estas bona. La lingvo kelkfoje estas propreca; oni trovas „lertas" (p. 29), bonas (57).

Evitendaj estas parolturnoj kiel „venigo Jaŝon“ (28) kaj „parolante . . . pri kiel kariĝas . . . la vivado.“ R. W.

---

## Ĉefkunveno de la Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj

Chemnitzer Hof, Pentekostan sabaton, la 14-an de majo 1932 je la 14.30 h.

Precize la prezidanto, lernejestro Schneller-Leipzig, malfermis la ĉi-jaran ĉefkunvenon, kiu koincidis kun la 21-a Germana Esperanto-Kongreso. Sidis en luksa konferencejo sur komfortaj apogseĝoj kvindek personoj — nia anaro kun kelkaj gastoj. Konforme al tiu eleganteco kolego Schneller gvidis la konferencon laŭ sia jam ofte spertita talento de reprezentado.

Salutleterojn sendis kolego Roome (Anglujo), prezidanto de TAGE, lernejokonsilisto Wolf-Berlin, prezidanto de la Germana Instruistaro kaj Profesoro Dietterle-Leipzig, direktoro de la Esp.-Instituto por la Germana Respubliko. Salutparolojn aŭdigis la reprezentantoj de la Germ. Esp.-Asocio, de la LKK kaj de la Chemnitz'a Instruisto-unuiĝo. S-ro Poŝtkonsilisto Behrendt esprimis sian ĝojon pri la ĉi-jara kaj espereble ankoraŭ ofta koincido de ambaŭ Esp.-manifestacioj. Profesoro D-ro Wieke menciis la reciprokan laborkompletigon: GEA por plenkreskintoj, Esp.-Asocio de Germanaj Instruistoj por infanoj. Kolego Hörig-Chemnitz parolis (germane) pri la memkomprenebla konsento de ĉiu industriourbano al internacia komprenilo kaj pri la preskaŭ instinkta inklino de ĉiu instruisto al interpopola repaciĝo, kio cetere estas postulo de la germana konstitucio.

La unua faro post la salutoj estis honorigo de Supera Lernejo-Konsilisto, s-ro D-ro Kraner, kiu nun abdikos sian oficon. La prezidanto dankis al li pro lia longjara, sukcesplena perado inter la Saksa ministerio kaj la tiea Esp.-instruistaro kaj deziris al la emeritulo multajn liberajn jarojn en saneco kaj feliĉo*). D-ro Kraner respondis konfesante: Mi mem sentas dankodevon al la Esperantismo, kiu min feliĉigis dum miaj oficaj jaroj kaj nun servos kiel „bastonĉevaleto“, la plej necesa havaĵo de pensiulo. Cetere pro atingo de aĝolimo ja ĉesos mia ŝtatofico, sed ne la menciita perado, kiu en tiaj krizo-tempoj bedaŭrinde ne esperigas al financa sukceso.

Nun s-ro Schneller prezentis la jarraporton, kiu krom mencioj pri laboroj kaj sukcesoj de en- kaj eksterlandaj Esperanto-organizacioj konstatis, ke 1931 por ni estis jaro „sen malprospero“. En Hispanujo, Britujo, Rusujo, Japanujo kaj Holando ĉirkaŭ la Baltika maro kaj sur la Balkan-duoninsulo estis ĉie kresko kaj antaŭenmarŝo ankaŭ en lernejo kaj instruistaro. Sur nia speciala laborkampo estis nur „efika propagando en unuopaj grandurboj kaj kontentigaj rilatoj al la faka gazetaro“ (La nuna stato en Germanujo: 390 lernejoj kaj 2200 instruistoj inter 6800 en 63 ŝtatoj de la mondo). Cetere nenio! Nenio pri la necesega starigo de provincaj suborganizacioj, kiuj bedaŭrinde ekzistas nur en Saksujo kaj Virtembergo. Nur io pri Anglic, io pri Ostwald † kaj io pri la Pedagogia Muzeo en Mainz, kies prospero ne estas nia sukceso. La financa mizero de germanaj landoj kaj komunumoj devigas al rigora ŝparado. Finiĝis multaj kursoj, ĉesis ĉiu subteno el oficialaj kasoj. La malcerteco de nia junkolegaro, kiu por longaj jaroj ne povas esperi enoficiĝon, malhelpas ĉiun efikan propagandon. Do, defendo estis la devizo.

Eklumoj nur en Saksujo, kie la Riesaanoj efektivigis infaninterŝanĝon kun

---

*) Estas ĝojiga fakto, ke D-ro Kraner demetas sian oficon en eksterordinara korpa freŝeco kaj spirita forteco. Pro tio ni povas esperi, ke li ankaŭ estonte dum multaj jaroj dediĉu sian valoregan kunlaboradon al la Esp.-afero.

Danujo, kie kolego Klemm akceptigis serion da artikoloj pri Esperanto en „Kurier"-Chemnitz kaj Esperanto-kurson en „Chemnitzer Tageblatt" (gravaj mezgermanaj gazetoj). Li ankaŭ esperantigis propagando-karton de la Oficejo por Kalendaro-Reformo en Kiel, jam en multaj miloj da ekzempleroj senkoste dissenditan. (Oni alskribu la tri adresojn!)

Kolego Etzold-Leipzig legis anstataŭ la forestanta kasisto Spange-Leipzig la kasraporton, kiu responde al la mizeraj tempoj teniĝis en modestaj limoj. Enspezoj: 835.35, Elspezoj: 647,35, Saldo: 188.— gmk. Ano-nombro fine 1930: ĉ. 540. fine 1931: ĉ. 520.

Aperis nun sur la katedro s-ro lernejestro Haubold-Riesa, kiu per interesa parolado festis la dek-jaran jubileon de IPR (antaŭe Novaj Tempoj). Pasis antaŭ ni jaroj de entuziasma laboro, de oferemo kaj persistemo. Eksonis la nomoj de Boubou-Orleans kaj liaj francaj amikoj. de Müller-Auerbach, Pfütze-Falkenstein, Ludwig-Pirna kaj D-ro Kurt Riedel-Dresden (la ĝisnunaj redaktoroj) kaj ĉiam denove tiu de Martin Goldberg-Leipzig, kiu en ĉiu krizo kaj mizero estis la „roko", sur kiu konstruiĝis TAGE kaj ĝia organo. Respeguliĝis la batalo pri nia Tutmonda Asocio de Geinstruistaj Esperantistoj, kiun ni celis en Nürnberg 1923 kaj feliĉe akiris la 24-an de aŭgusto en Wien. Ni aŭdis pri la senĉesa peto al internacia kunlaboro kaj fervora varbado de novaj abonantoj, kaj ne povas kontentigi ankaŭ la nuna stato, laŭ kiu el preskaŭ 7000 statistike nombritaj esperantistoj-kolegoj nur proks. 800 (60% el Germanujo) legas nian fakorganon. Tamen IPR staras sur solida bazo kaj oni rajtas esperi ĝian vivtenon tra la nuna mizero ĝis pli feliĉaj tempoj. De post junio 1922 dissendiĝis 74 numeroj kun pli ol 1100 paĝoj. La tri unuaj „Novaj Tempoj" nenie estas retroveblaj. Kiu ilin posedas, bonfaras al la redakcio kaj al la tuta movado, se li pruntos ilin por kopio.

Entuziasma aplaŭdo dankis al kolego Haubold pro lia flama parolado, kies preparo certe postulis multsemajnan streĉan laboron. Ĉu oni presigos ĝin, kiel ĝi meritas, kiel ankaŭ necesas por detala informo de nia sporada kolegaro?

La debato estis sufiĉe vigla kaj koncentriĝis sur jenajn punktojn:

Nia asocio bezonas provincajn suborganizaciojn. Do, fondigu, estraro! TAGE estu ĉeforganizacio de naciaj asocioj! Ĝia fakorgano bezonas internacian kunlaborantaron kaj pli grandan abonantaron. Do verku kaj varbu ĉiu ano!

Laŭ propono de la Leipzig'a grupo, kontrolinta la kaso-aferojn, oni akceptis la raporton kaj deŝarĝis la kasiston.

Fine oni dankis al la prezidanto pro gvido de la asocio, precipe pro la majstra estrado dum la ĉefkunveno mem.

La lasta punkto estis elektoj. Pasintan jaron en Hamburg oni estis decidinta, ekster Saksujo serĉi novan estraron, kiu tuj transprenu la negocojn. Sed tiu decido ne realiĝis dum la jaro, unue ĉar la germana financkrizo de la pasinta somero ne permesis tion (laŭ diro de la prezidanto) kaj poste, ĉar Berlin, kun kiu li intertraktadis, ne estis preta, transpreni la estrecon. Tial oni nun elektis en la tri-anan elekto-komisionon (Pfaff-Worms, Schütte-Berlin, Degen-Leipzig) ankoraŭ D-ron Döhler-Riesa kaj Schönrich-Wiesbaden kaj postulis baldaŭan realigon de la Hamburg-a decido. Post la 18-a la prezidanto fermis la ĉefkunvenon kun refoja danko al ĉiuj kunlaborantoj kaj gastoj.

Arthur Degen-Leipzig.

---

## Sveda Instruista Esperanto-Federacio.

Dum la pasinta pentekosto aŭ pli precize la 14-an de majo jarkunvenis en Eskilstuna Sveda Instruista Esperanto-Federacio (SIEF). Prezidis s-ro Ernfrid Malmgren, Stokholmo, kaj ĉe la protokolo sidis f-ino Agda Zetterman, Eskilstuna.

La estraran jarraporton oni laŭtlegis kaj aprobis, kaj laŭ la propono de la revizoroj oni danke senŝarĝis la malnovan estraron.

Kiel estraro por la laborjaro de 1. 4. 1932 ĝis 31. 3. 1933 estis reelektataj f-ino E. Ozarowsky, kaj s-roj G. Ahlstrand, F. Ahnfeldt, L. Andrén, A. Blid, E. Dahl, Sam. Jansson, E. Malmgren, N. Nordlund, G. Otterfors, O. Svantesson kaj novelektataj s-roj G. Rimberth kaj Th. Torbjär. El la estraro oni elektis kiel prezidanton por la federacio s-ron Th. Torbjär, sekretarion s-ron G. Rimberth kaj kiel kasiston s-ron O. Svantesson, ĉiuj en Göteborg, al kiu loko do estis translokata la sidejo de la federacia plenumkomitato; do la adreso de la estraro de nun estos ĉe s-ro Thorsten Torbjär, Mariagat. 15 A, Göteborg.

La jarraporto de la Sveda Esperanto-Instituto — la sveda ekzamena komisiono — estis aprobata, kaj kiel anstataŭantan reprezentanton en la estraro de la instituto oni reelektis f-inon Edith Bodén.

Inter la problemoj, kiujn oni vigle diskutis, ni menciu la jenajn.

La nacia instruista gazetaro estu regule provizata per novaĵoj pri Esperanto. (En Svedujo la instruistaj gazetoj estas sufiĉe favoraj al nia movado).

Estis decidate, ke la estraro esploru en kiuj lokoj kaj kiamaniere individuaj esperantistoj, Esperantaj organizaĵoj aŭ komunumaj estraroj estas proponintaj enkondukon de Esperanto-instruado en la lernejojn aŭ inter aŭ ekster la lerneja horaro. La spertojn la plenumkomitato kolektu, por ke ĝi funkciu kiel centra helpanto kaj konsilanto al lokaj organizaĵoj, kiuj intencas fari similajn antaŭpuŝojn.

Plue oni komisiis al la plenumkomitato atente observi la evoluon de la Esperanto-afero ĉe Fédération Internationale des Associations d'Instituteurs (La Internacia Federacio de Instruisto-Asocioj) kaj precipe la eblecojn enkonduki Esperanton en ĝian plurlingvan infangazeton. Certe tiu demando estas tre grava por la instruistaj Esperanto-asocioj.

Al la kongreso la Laborkomitato de TAGE estis sendinta kuraĝigan salutleteron kun bondeziroj por nia movado en Svedujo. La jarkunveno kun granda ĝojo akceptis la salutojn. En la sama letero la administranto de IPR proponis al nia federacio devigan kaj korporacian abonon al IPR je tre favoraj kondiĉoj. Post vigla diskuto la kunveno tamen decidis prokrasti la demandon al la sekvontjara kongreso, ĉar la malforta ekonomia stato de la federacio bedaŭrinde ne permesas nin ĉi jare akcepti la proponon. Por la kuranta jaro oni komisiis al la nova estraro per ĉiuj fortoj propagandi inter la geinstruistaro por IPR.

Kiel gazetan organon de la federacio oni fine decidis daŭrigi la eldonadon de la „Bulteno de Sveda Instruista Esperanto-Federacio SIEF". Sed samtempe la estraro esploru la gazetan demandon kaj eble traktu kun la redakcio de la nacia Esperanto-gazeto pri loko en tiu por la sciigoj al la federacia membraro.

Th. T.

---

# Raporto de la laborkomitato por TAGE kaj IPR pri la jaro 1931.

Per la jaro 1931 IPR finis sian 10-an jarkolekton; forpasis 7 jaroj depost la fondiĝo de TAGE (8-an de aŭgusto 1924). Pri la fakto de la 10-jara ekzistado de nia gazeto ni raportis en n-ro 2 de IPR 1932 (pĝ. 41—45). Laŭ la tabelo, aperigita en decembro 1931 IPR nombris 861 abonintojn. Oni ĝuste prijuĝu tiun nombron, komparante ĝin kun la indikoj el la antaŭaj jaroj. Pro la soveta malpermeso, sendi monon al eksterlando, IPR dum la lastaj jaroj perdis preskaŭ 100 rusajn abonintojn. Do, laŭ ekstera aspekto la stato ŝajnas sufiĉe bona. Ankaŭ tiurilate, se oni rigardas la 1931-an jar-

kolekton de IPR. Aperis 7 numeroj kun 124 paĝoj. Laŭ la enhavo oni povas konstati kreskon kaj valoriĝon de nia gazeto. La kolekto havas vere internacian aspekton. Krom diverslandaj raportoj, sciigoj, notoj en la aktuala parto ni trovas pli grandajn verkaĵojn el 9 landoj (Anglio, Bulgario, Francio, Germanio, Jugoslavio, Norvegio, Polio, Svedio, Svislando), kiuj bezonas pli ol la duonon de la paĝoj. Pli ol antaŭe nia revuo povas envicigi sin en la seriozajn sciencajn periodaĵojn esperantajn kaj ankaŭ neesperantajn fakgazetojn. Kaj tia rezulto estas atingita, post kiam D-ro Dietterle en la 1-a numero 1931 sendis „SOS"-alvokon al la legantaro, malgraŭ ke multampleksa krizo skuas la mondon, malgraŭ tio, ke ankaŭ sekve de la krizo la salajroj de niaj diverslandaj gekolegoj malpligrandiĝis, ke la monsendo al la kasisto malplifaciliĝis. Sed pro tio ne havu tro bonan opinion pri la revua stato! Dekomence de la jaro la laborkomitato estis konscia pri tio, ke ĉiuj laboroj kaj ĉiuj fortoj nepre estu dediĉataj al la gazeto. Ĉar ĝi estas la preskaŭ sola interligilo de la esperantista geinstruistaro. Sen ĝi disfalus TAGE, sen ĝi la geinstruistaro esperantista estus unuopularo preskaŭ senintlua rilate al la internacia pedagogio kaj al la varbado por nia afero en instruistaj rondoj. Pro tiu kaŭzo la laborkomitato ne nur devis prilabori la taskojn de la pasinta jaro, sed ankaŭ jam zorgi, ke IPR ankaŭ estonte povu aperi. El ĝiaj decidoj tiurilataj estu menciataj:

La laborkomitato devis fiksi la abonprezon je unu dolaro. Jam delonge la germanaj kaj saksaj gekolegoj pagis pli altan sumon ol la eksterlandanoj, kies pagoj krome malpligrandiĝis per kromelspezoj por la agentoj, per perdo sekve de ŝanĝo de la monbiletoj. La laborkomitato estis pro tio devigata, peti solidarecon de la geinstruistaro kaj per la sama abonprezo de unu dolaro plifirmigi la financan bazon de la gazeto. Sed ĝi devis serĉi ankaŭ alian financan helpon. Sub la gvidado de la nova administranto, k-o Hofmann, laboranta depost komence de 1931, ĝi provis havigi al la gazeto pagitajn anoncojn de industriaj firmaoj, presitaj sur la kovriloj. La penoj havis ankaŭ jam sukcesojn. La laborkomitato petas ankaŭ eksterlandajn gekolegojn, peradi tiajn pagendajn anoncojn. La tarifon sciigas laŭbezone k-o Hofmann. Por ne danĝerigi nian gazetan entreprenon, la komitato devis decidi, 1931 aperigi nur 7 numerojn, kaj dum 1932 eldoni IPR kiel dumonatan revuon.

Per tio oni povas ekkoni, ke la financa stato de la revuo ne estas tia, kiel la nombro de la abonintoj laŭ la jam menciita tabelo en decembro 1931 ŝajnigas. Oni devas, tralegante ĝin, konstati, ke ja jam respektinda nombro da gekolegoj ricevis la gazeton, sed ke bedaŭrinde tro granda parto el ili, preskaŭ 25% forgesis sian devon, ankaŭ pagi por la ricevita varo spirita. Tiu konstato estas necesa pro tio, ke ĝi devigu la prokrastulojn, ankoraŭ plenumi sian devon, ĉar tiu fakto ne estas inda por nia profesia rondo. — Plue IPR repagis la lastajn akciojn kaj likvidis per tio la akcian entreprenon, starigitan en 1925. Krom tio la administranto sukcesis pagi la ŝuldojn el antaŭaj jaroj al la presejo, pli ol 500 germ. markojn. Grandanime nia altestimata prezidanto donacis al nia kaso kvin funtojn. Kelkaj labor-komitatanoj pruntedonis ofereme grandajn sumojn por ebligi la aperon de nia revuo.

Precipe la komitato akcentis la varbadon de novaj abonantoj. Leteraj interrilatoj ĉefe de la administranto kiel de aliaj membroj de la komitato sukcesis, varbi proksimume 120 novajn membrojn. Kelkaj landaj agentoj bone subtenis tiun ege necesan laboron. — Okaze de la Universala Esperanto-kongreso en Krakovo oni eldonis 20-paĝan polan numeron, en kiu estis raportate sur 14 paĝoj pri la pedagogia literaturo, la instruado en Pollando, pri polaj verkoj. Bedaŭrinde tiu grandstila propagando ne havis la deziritan sukceson. — Ĉiu novvarbita jarabono estos premiata per kredito de ¼

jarabono en la jaro sekvonta la pagitan jarabonon.

Sed ĉiuj tiuj klopodoj estis kaj estas penoj de unuopaj gekolegoj. La kriza stato de la mondo, kiu ne devas dronigi nian revuon, postulas pli fortajn helpojn. La komitato por TAGE kaj IPR opinias sian devon, ree kiel jam ofte per sia raporto klarigi la situacion, por konservi la dekjarajn laborojn de la internacia gekolegaro esperantista kaj savi IPR-n el la danĝeroj de la nuna tempo. Ni ĉiuj devas esti konsciaj pri tio, ke morto de nia revuo signifus disŝiradon de la fadenoj, dum longa tempo kaj per multaj klopodoj kaj penoj ligitaj inter la esperantista instruistaro. Neniu alia asocio esperanta estas kapabla, preni sur sin la plenumon de niaj specialaj taskoj. Ni **IPR-anoj formas profesian asocion, kiu uzas Esperanton. La profesiaj ideoj, per tio** rigardataj kaj pritraktataj internacie, postulas la internacian profesian gazeton, nian IPR-n. Nia revuo devas vivi, ke ni mem, ni esperantistaj geinstruistoj, kaj niaj pedagogaj ideoj povu vivi. Ĉiam kaj ree ĉiam la laborkomitato devas substreki tiujn pensojn; ĝi direktas siajn fortojn precipe al la efektivigo de ili; ĝi laboras sen iu ajn rekompenco por si mem nur por la ekzistado de la revuo. Sed ĝi scias, ke la sukcesoj de ĝiaj klopodoj estos des pli grandaj kaj certaj, ju pli la gekolegoj diversnaciaj helpos kaj subtenos ĝin. Pro tio per tiu raporto la laborkomitato por TAGE kaj IPR petas denove la kunlaboron de la esperantista gekolegaro. Ĝi akcentas 4 punktojn, kies plenumo devas esti honora devo de ĉiu kolegino, de ĉiu kolego:

1-e Ĉiu pagu tuj la fiksitan abonprezon.

2-e Por ke IPR konservu kaj ankoraŭ plibonigu sian internacian karakteron kaj servu al la pedagogio, estu preta kunlabori. Ni scias, ke ne ĉiu estas ema, verki originalajn artikolojn pri instruaj kaj edukaj demandoj, sed ni petas, ke multaj gekolegoj raportu pri siaj lernejaj laboroj, siaj vivcirkonstancoj, traduku sciigojn kaj artikolojn internacie interesajn el la fakgazetoj sialandaj. Imagu, ke la redaktoro ĉiukvarmonate el la 41 landoj, en kiuj IPR estas legata, ricevus unu raporton, unu artikolon, unu tradukaĵon! Atingi tiun celon, ne povas kaj ne devas esti utopio. Uzu ankaŭ nian revuon, por traduki materialon por vialandaj fakgazetoj kaj menciu la uzitan fonton; per tio vi ne nur varbos por la lingvo Esperanto, sed ankaŭ por nia gazeto. Ĉar

3-e varbi novajn abonantojn, devas esti la daŭra tasko de ĉiu konvinkita instruisto esperantista. Prof. D-ro Dietterle kolektis preskaŭ 7000 adresojn de gekolegoj esperantistaj. Pro kio minimume la duono ĝis nun ne estas leganto de IPR? Helpu ĉiu, ke nia rondo iĝu baldaŭ pli granda, pli forta, pli atentinda! Se ĉiu el niaj membroj varbus nur unu novan, ni povus denove eldoni IPR-n kiel monatan gazeton kaj ni havus ankaŭ kelkan monon por la varbado kaj por honorarii la artikolojn. La laborkomitato dankas al ĉiuj gekolegoj, precipe al siaj agentoj, kiuj jam ĝis nun dediĉis sin al tiu tasko.

4-e Tiuj ĉi necesegaj laboroj estus efektivigataj des pli facile, se jam estus plenumita la decido de la Viena kongreso 1924, fondi en la diversaj landoj naciajn asociojn de geinstruistoj esperantistaj laŭ la modeloj de la germana kaj saksa asocioj. Tiu kongreso trafe ekkonis, ke per tiaj asocioj estus garantiataj ne nur la progresanta movado inter la geinstruistaro, sed ankaŭ antaŭ ĉio kontinueco de la laboroj kaj de la evoluo rilate al nia revuo. Ni jam havas sufiĉe da landoj, en kiuj estus eble, fondi tiajn asociojn. Komencu, gekolegoj, tiun kolektiĝon, tiun grupiĝon, kiuj plifaciligos la administradon de la gazeto kaj certigos la atingon de niaj altaj celoj!

La laborkomitato por TAGE kaj IPR transdonas tiun raporton al la esperantista gekolegaro, ne por nur plenumi devon, sed por peti nunajn kaj estontajn kunlaborantojn kaj kunhelpantojn en la tuta mondo, ke ili ne laciĝu kaj forlasu nian komunan laboron. La ideo de Esper-

anto enhavas tiom da idealismo kaj tiom da spiritaj fortoj. Montru, tutmonda gekolegaro esperantista, ke tiuj idealismo kaj fortoj kune kun la instruaj kaj edukaj ideoj venkos ĉian financan kaj ekonomian krizon. IPR restu la standardo de nia konvinko kaj de nia kredo al niaj profesiaj idealoj!

Laŭkomisie J. K. Haubold,
Riesa-Gröba (Germanio).

---

# Instruista Fakkunveno de TAGE

**en Paris dum la 24-a Univ. Esp.-Kongr.**

La Komitato por Fakkunvenoj en Paris rezervis por niaj kunsidoj du posttagmezojn. La precizan informon pri tago, horo kaj loko vi trovos en la oficiala kongresmaterialo.

**Tagordo:**

Unua tago:

1. Saluto de reprezentanto de la TAGE-Laborkomitato;
2. Elekto de estraro por la kunsidoj;
3. Salutoj de gastoj kaj diverslandaj reprezentantoj;
4. Referato de André Baudet, prezidinto de la Pariza komercĉambro: „Esperanto kaj la komercaj lernejoj";
5. Raportoj de la oficialaj reprezentantoj
   a) de IPR kaj TAGE;
   b) de IALA kaj Kunlaborado;
6. Diskuto;
7. Elektoj.

Dua tago:

1. Referato de D-ro Ferrière, vicdirektoro de la Internacia Oficejo de Edukado kaj de la Internacia Ligo por Nova Eduko: „Aktiva lernejo kaj aktivaj metodoj";
2. Diskuto;
3. Interparolado pri konkretaj proponoj kaj sugestoj rilate al Esperanto-praktiko en lernejo kaj instruistaro;
4. Liberaj proponoj.

Al niaj fakkunsidoj kore invitas ĉiujn Esperanto-instruistojn

la laborkomitato de T. A. G. E.

---

**Donaco por IPR.**

La prezidanto de TAGE, k-o Roome-Sheffield, denove donacis al IPR 6 ŝil. Ni kvitancas tion kun kora danko.

---

**Malnovaj „Novaj Tempoj".**

La fidelaj abonantoj de IPR (Novaj Tempoj) el la jaroj 1922—1924 bonvolu rigardi, ĉu ili povas sendi al la sekretario de TAGE la unuajn hektografitajn n-rojn de Novaj Tempoj el la jaro 1922 kaj la jarkolekton 1924, aŭ almenaŭ el la jarkolekto 1924 n-ron 1/2. Se dezirate, mi resendos la hektografitajn n-rojn el 1922 post ilia kopiado. Kiel raportis k-o Haubold en n-ro 2, 1932, tiuj n-roj tute ne ekzistas ĉe la estraro de TAGE, nek en iu oficiala aŭ esperantista biblioteko.

---

La 14-an de junio 1932 mortis nia kara amiko

## Ernst Klemm

**supera instruisto en Chemnitz.**

Kia ni vidis lin nur antaŭ kelkaj semajnoj je nia ĉefkunveno, tia li ĉiam estis kiel unu el la plej fidelaj anoj de nia movado: plena de entuziasma energio kaj agemo, kaj tia li restos en nia koro, en nia memoro, por ĉiam!

**Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj.**

---

**La venonta numero aperos meze de septembro.**

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 14.

## A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto"; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kiagrada lernejo li instruas.
Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.
Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.

La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

**N-ro 181.**

1. August Adam 2. fakinstruisto de burĝa lernejo 3. 28 4. a) 306 b) Česká Skalice d) Ĉeĥoslovakujo 5. ĉiulandaj gekolegoj 6. politiko, socialismo, literaturo, muziko 7. interŝanĝas p. m. ilustr. kartojn, gazetojn, landkartojn ktp.

**N-ro 182.**

1. Benas Ruzgus 2. popollerneja instruisto 3. 25 (fraŭlo) 4. b) Zdoniskes pr. m-la c) Varniai d) Litovujo 5. geinstruistoj kaj gejunuloj de la tuta mondo 6. junulara klerigo kaj movado 7. interŝanĝas il. gaz., bildojn ktp.

**N-ro 183.**

1. Vasilov Stojan 2. instruisto 3. ? 4. b) Beglež c) Plevensko d) Bulgarujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas il. pk. kaj ĵurnalojn.

**N-ro 184.**

1. A. Prapuolenis 2. instruisto en popollernejo 3. 36 4. b) Kazlu Ruda d) Litovujo 5. deziras interŝanĝi literaturon por gelernantoj: naciajn fabelojn, rakontojn, legendojn pri birdoj, bestoj, naciaj floroj k. g. Deziras ricevi almenaŭ unu karakterizan mitan fabelon. Rekompencas laŭ deziro.

**N-ro 185.**

1. Demetrio Viktorov-Ĉeĥoviĉ 2. lekciisto, kursgvidanto 3. 44 4. a) Klovsku Spusk 2/I. b) Kiev d) Rusujo 5. geaktoroj, lekciistoj, verkistoj kaj ĉiuj interesai homoj de la mondo 6. ĉiuj interesaj temoj 7. deziras ricevadi Esp. librojn, gazetojn, diversajn ekspoNaĵojn (afiŝojn, plakatojn, fotojn, insignojn, manlaboraĵojn, il. gazetojn, bildojn, pentraĵojn, p. k. il., diversajn aĵojn karakterizajn por via lando). Rekompence sendas „sovetaĵojn“ kaj „ukrainaĵojn“.

**N-ro 186.**

1. P. Glöckner 2. studkonsilisto 3. ? 4. a/ Damaschkestr. 24 b) Pirna-Copitz c) Saksujo d) Germanujo 5. komercinstruistoj 6. ĉiuj interesaj temoj.

**N-ro 187.**

1. Frato Ansgar Marzahn 2. popollerneja instruisto kaj ano de religia (katolika) kongregacio por edukado 3. 26 4. a) Schulheim Bleyerheide b) Post Kohlscheid bei Aachen d) Germanujo 5. kolegoj eŭropaj (ekster Germanujo kaj Nederlando) sed prefere neeŭropaj 6. lando kaj popolo, instrumetodoj, Esperanto, pacifismo, politiko, religio kaj similaj temoj 7. respondo garantiata.

**N-ro 188.**

1. Emmanuel Zürcher 2. instruisto 3. ? 4. b) Neuchâtel d) Svisujo 5. gekolegoj de malproksimaj landoj 6. ĉiuj temoj atingeblaj de lernantoj kun klarigoj en Esperanto 7. interŝanĝas verkojn pri la respektivaj landoj, desegnartaĵojn, fotografaĵojn, poŝtkartojn ktp. Promesas interesajn verkojn.

**N-ro 189.**

1. Martin Myre 2. instruisto en popollernejo 3. 28 4. a) Storgata 6 b) Gjøvik c) Vest-Opland d) Norvegujo 5. gekolegoj, precipe ekstereŭropaj 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas malmultkostajn landkartojn kaj vidaĵojn.

**N-ro 190.**

1. Nikolao Davydov 2. instruisto (matematiko, astronomio, geodezio) en teknika lernejo 3. 37 4. a) Teĥnikum b) Perovo c) Moskva gub. d) Rusujo 5. samprofesianoj ĉiulandaj 6. astronomio, fotografado, Esperanto kaj movado 7. interŝanĝas librojn.

**N-ro 191.**

La malnova esperantisto Prof. D-ro P. Kirjuŝin deziras korespondi pri la temoj de filozofio, sociologio kaj literaturo kaj interŝanĝi la librojn kun ĉiuj dezirantoj. Krom Esperanto oni povas uzi la lingvojn rusa, pola, ĉeĥa, germana, angla, franca, hispana, itala, bulgara kai portugala. Adreso: Prof. D-ro P. Kirjuŝin, Belorusskaja Sel-Hoz. Akademia, Gory-Gorki, B. S. S. R. Rusujo.

# B

1. Lando kaj loko de la lernejo? 2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi? 4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun? 6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto“, kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.
Al 3. Nepre necese!
Al 4. Vidu al 2.!
Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru „kun ĉiuj landoj“.
Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

N-ro 135.
**Ĉeĥoslovakujo.** 1. Česká Skalice 2. burĝa (pli alta popol)lernejo 3. 15 gelernantoj 4. 11—15 5. ĉiuj landoj 6. ĉio interesa — interŝanĝo de p. m. kaj p. k. 7. instruisto August Adam, N-ro 306, Česká Skalice.

N-ro 136.
**Ĉeĥoslovakujo.** 1. Jilemnice 2. realgimnazio / 5-a klaso 3. 1 lernanto 4. 16 5. samaĝa anglo aŭ franco 6. iu ajn temo (interŝanĝas poŝtkartojn kaj -markojn) 7. Antonín Šimunek, N-ro 187, Jilemnice.

N-ro 137.
**Ĉeĥoslovakujo.** 1. Modřany ap. Praha 2. popollernejo / 5-a klaso 3. 1 lernanto 4. 11 5. ĉiulandaj knaboj 6. vivo, kutimo kaj ludoj de gelernantoj (interŝanĝas il. p.) 7. Oldřich Vítek, N-ro 183, Modřany.

N-ro 138.
**Ĉeĥoslovakujo.** 1. Dubí-Vrapice 2. burĝa lernejo / 2-a klaso 3. 1 lernantino 4. 13 5. ĉiulandaj infanoj 6. iu ajn temo (interŝanĝas il. p.) 7. Alice Kloudová, N-ro 110, Dubí-Vrapice.

N-ro 139.
**Germanujo.** 1. Schulheim Bleyerheide 2. popollernejo 3. 30 lernantoj 4. 12—14 5. eŭropaj lernantoj (ekster germanaj kaj nederlandaj), sed prefere neeŭropaj 6. diversaj temoj (interŝanĝas il. p. kaj -markojn) 7. Frato Ansgar Marzahn, Schulheim Bleyerheide, Post Kohlscheid bei Aachen.

N-ro 140.
**Germanujo.** 1. Döbeln (Saksujo) 2. popollernejo 3. ? geknaboj 4. 12—13 5. samaĝaj eksterlandaj gelernantoj 6. ĉiutagaj temoj per p. i. aŭ leteroj 7. instruistino Hildegard Czerwenka, Albertstr. 22, I, Döbeln i. Sa.

N-ro 141.
**Germanujo.** 1. Niederschöna (Saksujo) 2. popollernejo 3. 4 lernantoj 4. 13 5. ĉiuj fremdaj landoj 6. geografiaj aĵoj 7. instruisto Karl Schmidt, Niederschöna i. Sa.

N-ro 142.
**Saardistrikto.** 1. Neunkirchen (Saar) 2. kurso de supera liceo 3. 8 lernantinoj 4. 15—19 5. ĉiuj landoj 6. ĉio interesa 7. Oberschullehrerin Lisbeth Wittmann, Oberlyzeum, Neunkirchen (Saar).

N-ro 143.
**Rusujo.** 1. Kuvŝinovo, Oktjabrskaja 15 (Smolenska lando) 2. 1 lernantino 4. 12 5. gelernantoj samaĝulaj (sufiĉe sciantaj Esperanton) 6. diversaj temoj 7. Mario Golubova (adreson vidu supre).

# C

Skemo ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A aŭ B.

**N-ro 17.**

1. Mateus de Gouveia 2. komerca komizo 3. 19 4. a) Rue 5 de Octubre, 19 b) Funchal d) Insulo Madeira 5. tutmondaj gesamideanoj 6. iu ajn temo.

**N-ro 18.**

1. Vittorio Marcone 2. ? 3. 25 4. a) Via Nicolo Sardi 6 b) Varazze c) Savona d) Italujo 5. ĉiuj landoj 6. lingvoj, stenografio aŭ aliaj klerigaj temoj.

**N-ro 19.**

1. Walter Doedens 2. teknikisto 3. 21-jara 4. b) Dorsten c) Westfalen d) Germanujo 5. tutmondaj gesamideanoj 6. iu ajn temo.

**Noto pri antaŭaj numeroj:**

N-ro 22 de rubriko B (Listo 2) ne plu deziras korespondadon, ĉar ne plu ekzistas Esp.-instruo.

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

---

Personoj, kiuj ne povas aboni IPR-n kaj deziras regule havigi al si la listojn de nia Korespondo-Oficejo, bonvolu anonci sin rekte ĉe la sekretariino de „Kunlaborado" (f-ino Moelke, Stindestrasse 12, Berlin-Steglitz, Germanujo). La anoncoj por la listoj estas senpagaj. Sed por neabonantoj de IPR estas necese, ke ili pagu 1 germanan markon por 1 jaro pro la sendkostoj.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la antaŭajn listojn, bonvolu ilin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia gento aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizajoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton „Esperanto“, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto“.

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. aŭ pli valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
**1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)**

---

**Gekolegoj,**
**sendu adresojn**
**de varbendaj geinstuistoj**
**al la administranto!**

Tage-anoj, kiuj vizitos la Parizan kongreson, bonvolu anonci tion tuj al la sekretario de TAGE, k-o Goldberg, Oetzch ĉe Leipzig, Im Lumbsch 14, Germ.

---

# Premioj por varbado!

Por ĉiu NOVE VARBITA abonanto de IPR vi ricevos ¼ de la sendita abonkotizo en la jaro, kiu sekvas al la abonjaro.

Ekzemple, se vi varbas 2 NOVAJN abonantojn por 1932 kaj sendis la abonkotizojn kun la koncerna informo al la administranto de IPR, vi havos krediton de ½ dolaro (½ abonkotizo) ĉe IPR por 1933.

Kiu varbas kvar NOVAJN abonantojn por 1932, ricevos senpagan jarkolekton 1933 de IPR.

Do ni konkuru en intensa varbado!

PROPRA PROFITO! — PROGRESIGO DE L' MOVADO!

---

**Korespondado.**

La „Esperanta Studento“ kiu estas aldonata al ĉina gazeto „La Studento“ (Adreso: P. O. Kesto 1332, Shanghai, China), volonte deziras sciiĝi la vivon de ĉieaj studentoj individuaj aŭ grupaj, kaj dankas pro ĉies klopodo rekompence per kartoj kun bildoj de ĉinaj vidindaĵoj.

---

**Varbu anoncojn por IPR!**

Por viaj klopodoj vi ricevos procentojn! Postulu la tarifon de la administranto!

**Kiu tuj sendas sian abonon, helpas al plua kresko de IPR!**

**Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.**